XVIII[a] jaro. N° 266 (10) ☆ Monata ☆ Oktobro 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| JARA ABONO | | REKLAMO | |
|---|---|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. | Anonco (unu-centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. | Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. | Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |
| *Svisa poŝtĉeko I.2310. — La abonoj komenciĝas en januaro* | | *Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%* | |

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THEÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj

Nia Majstro Zamenhof estus feliĉa: la mondlingva problemo nun staras sur la programo de la plej alta aŭtoritato internacia, la Ligo de Nacioj. En sia tria ĝenerala kunsido, la 21an de septembro 1922, ĝi alprenis per solena voĉdono du decidojn: unu, kiu malkontentigos niajn urĝemulojn, ĉar ili devos atendi eble kelkajn jarojn por scii la opinion de la Intelekta Komisiono, alia, kiu kontentigos ilin, ĉar ili tuj ricevos en manojn la plej potencan propagandilon, kiun iam posedis nia movado.

La Ligo decidis alpreni unuanime oficialan raporton pri esperanto en lernejoj kaj poste per 26 voĉoj kontraŭ 2 (favoraj al la angla lingvo) komisiis la Komisionon de scienculoj por Intelekta Kunlaborado ekzameni la mondlingvan problemon kaj doni sian opinion.

Tiu duobla decido estas gravega por nia tuta afero. Ĝi estas rezultato de kompromiso inter la du ĉefaj tendencoj, kiuj regas nun ĉe la Ligo. Por kontentigi la 16 naciojn kiuj interesiĝas a Esperanto, oni akceptis la unuan parton kaj donis tiel al la esperantistoj historian dokumenton, zorge korektitan post tritaga kritikado kaj diskutado, dokumenton kiu prezentas la unuaniman konstaton de la Ligo de Nacioj pri faktoj nediskuteblaj, pri vivanteco, pri uzado kaj instruado de Esperanto kun ĉiuj naciaj dekretoj rilataj al ĝi.

Por kontentigi la ceterajn ŝtatojn, kiuj ankoraŭ ne estas pretaj enkonduki Esperanton en siajn lernejojn, oni akceptis la duan parton, kiu komisias la konstantan Intelektan Komitaton, kie sidas Bergson, Einstein, k. t. p., ke ĝi ekzamenu la demandojn pri Esperanto en lernejoj kaj donu sian opinion pri la tuta mondlingva problemo. Nur Norvegio kaj Svedlando voĉdonis kontraŭ tiu decido, ĉar por ili la problemo estas oficiale solvita en la senco de la angla lingvo.

Inter la ŝtatoj, kiuj voĉdonis por la dua decido, estas certe du grupoj: kelkaj kiel franca registaro, volis per tio nur prokrasti deviĝan enkondukon de Esperanto. Aliaj sincere deziris seriozan esploron de la afero per scienculoj.

Estas tute ne certe, ĉu la Intelekta Komisiono baldaŭ komencos la ekzamenon. En ĝi sidas partianoj de la angla lingvo, partianoj de la franca, subtenantoj de la latina kaj aprobantoj de esperanto. Kun tiom dividita opinio, estas kredeble ke la Komisiono povos nur alveni al scienca konstato pri la avantaĝoj kaj malavantaĝoj de mondlingvo, nacia, mortinta aŭ artefarita. Post kelkaj jaroj, sur la bazo de tia raporto kaj ankaŭ sur la bazo de la jam akirita raporto pri Esperanto en lernejoj, la Ligo eble reprenos la demandon en ĝenerala kunsido kaj decidos, ĉu ĝi volas alpreni definitivan rekomendon. Ĝis tiu tempo, kuŝas en la manoj de la esperantistoj pruvi per novaj sukcesoj la utilecon de sia lingvo al la mondo. Tiun saman konkludon diris ambaŭ parolintoj en la solena kunsido: franca senatano Reynald, skeptikulo, kaj Lord Robert Cecil, simpatiulo. Ni do sekvu la konsilon.

*Edmond Privat.*

**Por rapide informi niajn legantojn pri la diskuto ĉe la Ligo de Nacioj ni decidis presi ordinaran n-ron en septembro kaj en oktobro anstataŭ la kutima duobla n-ro. La anoncoj kiuj ne povis aperi en la septembra n-ro aperas en ĉi tiu. Pro manko de loko la intertempe ricevitaj anoncoj kaj la kutimaj rubrikoj „Oni laŭdas“, „Niaj Mortintoj“ kaj kompleta „Oficiala Informilo“ aperos en la novembra n-ro.**

# Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj

## La diskuto ĉe la kvina Komisiono

Kiam kunsidas la Ligo de Nacioj, ĝi dividas sian laboron inter ses Komisionoj, en kiuj ĉiu lando estas reprezentata po unu delegito aŭ anstataŭanto. La demando pri esperanto iris nature al la kvina komisiono pri sociaj kaj homaraj aferoj, sub la prezido de S-ro Fielding (Kanado). Ĉefan rolon en la diskuto ludis la fama lingvisto, Profesoro Gilbert Murray, el Oxford, kiu reprezentis Sud-Afrikon, F-ino Forchammer, idistino (sub-delegitino dana), Senatano franca Reynald, S-ro de Rio Branco (brazila ministro en Bern) kaj D-ro Edmond Privat, kiu reprezentis Persion kiel honora konsilanto de la Persa Delegacio kaj membro de la teknikaj komisionoj II kaj V.

### Komisiona Kunsido de mardo 12 septembro

Prof. *Murray* (Sud-Afriko) raportas pri la enketo de la Ĝenerala Sekretario. Estinte iam kontraŭulo, li nun konfesas la gravecon de mondlingvo kaj la taŭgecon de esperanto. Li proponas 1. ke la Sekretariaro daŭrigu sekvi la progresojn de esperanto kaj raporti pri tio, 2. ke oni rekomendu la akcepton de esperanto en poŝta kaj telegrafa interrilato kiel helplingvo de komerco kaj scienco, 3. ke oni rekomendu plivastigon de la instruado de esperanto en lernejoj.

D-ro *Privat* (Persio) klarigas, ke esperanto ne celas forigi aliajn lingvojn, sed ĝi respondas al urĝa bezono de la orientaj landoj por komuniki kun la Okcidento. Li skizas la celon kaj la verkon de D-ro Zamenhof. Diversaj ministrejoj de Publika Instruado komencis enkonduki esperanton. Estus utile ke la Ligo unuigu tiujn klopodojn per ia rezolucio, kiu garantius reciprokecon, almenaŭ de kelkaj regnoj. La ceteraj restu liberaj ne partopreni ĝis ili sentos ankaŭ la bezonon. La interkonsento estas necesa kaj, se la Ligo ne patronus ĝin, tiam oni devus serĉi alian internacian organizon, kiu zorgos pri tio. Li subtenas la proponojn de Prof. Murray.

F-ino *Bonnevie* (Norvegio) diras, ke la Norvega registaro ne povus instruigi esperanton ĝis la Angloj kaj Amerikanoj tion faros.

### Komisiona Kunsido de merkredo 13 septembro

S-ro *de Rio Branco* (Brazilio) ne ricevis instrukcion de sia registaro. En la nomo de la Brazila Delegitaro li legas longan atakon kontraŭ esperanto kaj kontraŭ la raporto de Sekretario, kiu fariĝos potenca propagandilo en la mano de lertaj esperantistoj. Neniam la Ligo devos subteni artefaritan lingvon de mizeruloj kaj komunistoj, sen tradicio, sen literaturo, sen intelekta valoro. En Brazilo oni instruas esperanton nur en la ŝtato Sergipe, la malplej civilizita. Se oni malfermas nun la pordon al Esperanto, ĝi poste celos forigi la naciajn lingvojn.

S-ro *Gustave Ador* (Svislando) proponas, ke oni limigu la paroladojn al dek minutoj. Lia propono estas akceptita.

Senatano *Reynald* (Francio) prezentas rezolucion proponantan resendi la tutan demandon al la Komisiono de scienculoj por Intelekta Kunlaborado. Li laŭdas ĝentile la fervoron de la esperantistoj kaj la faktan precizecon de la Sekretariara raporto, sed Prof. Murray postulas tre multe. La Ligo povas nur lasi esperanton disvolviĝi per siaj propraj rimedoj. La regnoj ne ŝatas eksteran intervenon. Por ne rifuzi malĝentile, oni resendu la aferon al spertuloj, kiuj havos tempon ĝin ekzameni trankvile.

F-ino *Forchhammer* (Danlando) opinias, ke oni ne rajtas kritiki la raporton, ĉar ĝi precize enketis laŭ la decido de la lasta ĝenerala kunsido de la Ligo, t. e. pri esperanto en lernejoj; sed estus bone ke oni nun ekzamenu ankaŭ la lingvajn meritojn de ido kaj esperanto, eble ankaŭ de aliaj sistemoj. Oni povos alveni al fina akordiĝo nur per decido de spertuloj. Tial ŝi subtenas la proponon de Senatano Reynald.

S-ro *Voionmaa* (Finlando) konigas oficialan konstaton de sia registaro pri la sukceso de la kongreso en Helsingfors kaj la rimarkinda taŭgeco de esperanto kiel parolata lingvo. Li gratulas la Sekretariaron pri la faktoriĉa kaj objektiva raporto. Li subtenas la proponojn Murray kaj kontraŭbatalas prokraston.

F-ino *Vacaresco* (Rumanio) ne ricevis instrukcion de sia registaro. Ŝi subtenas la resendon, ĉar esperanto ne povus sukcesi en Rumanio, kie oni lernas jam fremdajn lingvojn.

S-ro *Okujama* (Japanio) subtenas la proponojn Murray, ĉar esperanto estas nepra necesajo por Japanoj kaj ceteraj Ekstremorientaj nacioj.

F-ino *Bonnevie* (Norvegio), kiel membrino de la Intelekta Komisiono kontraŭbatalas la resendon, ĉar tiu komisiono havas jam tro da alia laboro. Ŝi diras ke Prof. Murray same opinias.

S-ro *Sokal* (Pollando) opinias, ke la Ligo devas sin okupi pri tiu grava problemo. Li subtenas la proponon Reynald en pozitiva senco.

S-ro *Aguero de Bethancourt* (Kubo) scias nenion pri la demando kaj subtenas ankaŭ la proponon Reynald.

S-ro *Löfgren* (Svedlando) konstatas, ke en lia lando regas granda intereso pri mondlingvo, sed oni preferas elekti vivantan lingvon kiel la anglan. Li voĉdonos kontraŭ ĉiu ajn propono.

S-ro *Ĉau-Hsin-Ĉu* (Ĉinio) energie subtenas esperanton. Orientaj nacioj sentas grandan malfacilaĵon kaj maljustaĵon en la nuna lingva sistemo. Ili deziras la sukceson de esperanto, por ili multe pli facile lernebla ol angla kaj franca. La ĉina registaro faros ĉion por disvastigi instruadon de Esperanto.

S-ro *Avramoviĉ* (Serbio) opinias, ke esperanto sukcesos per si mem, se ĝi estas vere utila. Li subtenas la resendon.

*D-ro Privat* (Persio) respondas al la parolintoj, ĉar la raportanto antaŭ la komisiono forrestas. Se la Ligo de Nacioj resendas la problemon al Intelekta Komisiono por ĝin serioze kaj plej bone solvi, la tuta mondo, inkluzive la esperantistoj, kliniĝos antaŭ la opinio de veraj spertuloj elektitaj por tiu celo. Sed se la resendo signfas tute simple ke multaj membroj de la Ligo ne deziras, ke oni solvu la problemon kaj proponas tion nur por sin liberigi, tiam la afero havas tute alian koloron kaj riskas naski konfuzon. En tiu okazo estus preferinde nure aprobi la raporton kun necesaj korektoj kaj lasi la diversajn ŝtatojn mem decidi kaj eventuale mem interkonsenti pri instruado de esperanto kiel helpa mon lingvo. Oni povus, pro ĝentileco al Ekstremorientaj landoj, kiuj tre bezonas esperanton, akcepti ian kontentigan tekston.

Dro Privat petas, ke oni decidu klare kaj sincere, ĉu la Ligo volas aŭ ne solvi tiun ĉi problemon, gravan por la mondo kaj speciale urĝan por Azio.

S-ro *de Brouckère* (Belgio) kontraŭstaras al diskuto de novaj rezolucioj. Oni balotigu unue la proponon Reynald, kies akcepto forigus ĉiujn ceterajn.

S-ro *de Rio Branco* (Brazilo) proponas sekretan baloton por eviti malagrablajn sekvojn.

F-ino *Forchammer* (Danlando) kontraŭbatalas tian timan proponon. Publika baloto estas decidita per 13 voĉoj kontraŭ 5. Poste la propono Reynald estas akceptita per 18 voĉoj kontraŭ 8.:

„Ke la demandoj pri la instruado de esperanto estu resendataj al la Komisiono pri Intelekta Kunlaborado, por ke ĝi donu sian opinion pri la diversaj punktoj de la problemo de helpa lingvo internacia."

### Komisiona Kunsido de ĵaŭdo 14 septembro

S-ino *Coombe-Tennant* (Brita imperio) proponas diversajn korektojn al la raporto. Ŝi demandas, ĉu Dr-o Privat akceptas ilin.

Dro *Privat* (Persio) respondas, ke li akceptas ĉiujn korektojn proponitajn. Ili ja ne koncernas faktojn, sed nur juĝojn, kaj estas nepre rekomendinde, ke la raporto aperu en tia formo, kiun ĉiuj diskutintoj povu aprobi senrezerve. Estos plej bone presigi entute

la respondon de la Brita Ministrejo de Publika Instruado al la demandaro de la Sekretariaro, ĉar la elekto de citaĵoj neniam povas kontentigi ĉiujn legantojn.

S-ino *Coombe-Tennant* (Brita Imperio) ridindigasla konkludojn de la raporto, interalie la sugeston, ke oni povus rekomendi la uzadon de artefarita lingvo en poŝta kaj telegrafa servoj, ĉar la Brita Poŝtestro Ĝenerala ne estas preta akcepti tion ĝis nun.

D-ro *Privat* (Persio) proponas, ke oni tute forigu la konkludan ĉapitron de la raporto kaj konservu nur la ceterajn partojn, kiuj estas akceptitaj de ĉiuj post la necesaj korektoj. Ĉiuj ŝtatoj mem eltiru sian propran konkludon.

S-ro *de Rio Branco* (Brazilo) petas D-ron Privat ne memori la akrecon de lia respondo al lia bela parolado pri esperanto. Tiu akreco estis bedaŭrinda rezultato de nesufiĉe preparita kontraŭbato kontraŭ la mirinda agemo de la utopiaj mondlingvistoj.

S-ro *Loefgren* (Svedlando) opinias, ke oni ne rajtas korekti raporton de la Sekretariaro.

S-ro *Todoroff* (Bulgario) proponas, ke oni aldonu ankaŭ la raporton de la Pariza Komerca Ĉambro.

F-ino *Forchammer* (Danlando) proponas, ke oni aldonu la decidojn de la Komisiono.

S-ino *Coombe-Tennant* (Brita Imperio) proponas akcepton de ĉiuj korektoj kaj forigon de Ĉapitro kvina.

S-roj de *Brouckère* (Belgio), *Avramoviĉ* (Serbio), *Reynald* (Francio), de *Yanguas* (Hispanio), *Privat* (Persio) subtenas tiujn proponojn.

D-ro *Nitobé* (Sub-Sekretario Ĝenerala de la Ligo) klarigas, ke la raporto estis preparita sub lia persona kaj rekta kontrolado kaj li revizis ĝin, vorton post vorto. Li prenas plenan respondecon pri la tuta teksto, kiu estas rezultato de absolute senpartia kolektado de faktoj laŭ la decido de la Ligo de Nacioj lastan jaron: preparigi raporton pri la faritaj eksperimentoj kaj atingitaj rezultatoj je instruado de esperanto.

La korektoj kaj aldonoj estas unuanime akceptitaj kaj laŭ propono de S-roj *Avramoviĉ* kaj *Privat*, oni elektis Senatanon *Reynald* kiel raportanton al la Ĝenerala Kunsido de la Ligo. Fine la korektita raporto pri Esperanto kiel internacia helplingvo estis unuanime alprenita de la komisiono.

## Ĝenerala Kunsido de ĵaŭdo 21 septembro

La Prezidanto, S-ro *Edwards* (Ĉilio), petas la raportanton de la kvina komisiono, Senatanon Reynald prezenti la demandon pri Esperanto, kiel internacia helplingvo.

Senatano *Reynald* (Francio) raportas pri la diskutoj kaj rekomendoj de la kvina komisiono, kiu dediĉis tri kunsidojn al tiu afero. Diversaj opinioj montriĝis. Kelkaj membroj, kiel Ĉinlando, Japanio kaj Persio speciale subtenis rezoluciojn por rekomendi esperanton en lernejoj kaj internacia poŝta kaj telegrafa servado. Aliaj kiel Norvegio, Brazilo kaj Svedlando kontraŭstaris ĉiun intervenon de al Ligo de Nacioj en tia afero, kritikante la ideon de artefarita lingvo, kiel nerealigebla kaj ne konsilinda afero. Oni rajtas atendi pliajn rezultatojn. Meza opinio gajnis, kiu konstatis faktojn kaj deziris opinion de kompetenta scienculaго. Tio estas la senco de la konkludoj akceptitaj de la komisiono. Ĝi proponas, ke la Ĝenerala kunsido aprobu ilin. Intertempe la lingvo esperantista havos plenan kampon por disvastiĝi kaj pruvi sian utilecon kaj fortecon per la sukcesoj, kiujn ĝi gajnos.

Lord *Robert Cecil* (Sud-Afriko) deklaras sin favora al esperanto. Pro tio li ĝojas pri la duobla decido de la komisiono. La Intelekta Komisiono devos memori, ke mondlingvo ne estas bezonata nur de intelektuloj, sed antaŭ ĉio de la popoloj mem. En tia spirito ĝi ekzamenu vaste la problemon. Dume li konsideras kiel grandan sukceson por esperanto la dokumentriĉan raporton, korektitan kaj akceptitan de la komisiono. Li petas la ĝeneralan kunsidon ĝin aprobi kaj konsilas al la esperantistoj kuraĝe daŭrigi sian noblan laboron.

S-ro *Fielding* (Kanado), prezidanto de la kvina komisiono, petas dividon de la voĉdono.

La *Prezidanto* balotigas la unuan parton (alprenon de la raporto pri esperanto kiel helplingvo). Unuanime akceptita.

La Prezidanto balotigas la duan parton (peton al la Intelekta Komisiono doni sian opinion). Akceptita per 26 voĉoj kontraŭ 2.

* * *

La raporto de la Ligo estas havebla en angla kaj franca lingvo ĉe la Ligo de Nacioj, Section d'Information, Société des Nations, Genève. Ni donas en tiu ĉi numero la plenan tradukon en esperanto sen la aldonaĵoj. Speciala eldono angla en poŝformato estos publikigita de la Eldona Servo de la Ligo kaj deponata ĉe Constable and Co. 10 Orange Street, London W. C. 2. Pri prezoj k. t. p. petu detalan informadon de la Brita Esperanto-Asocio, 17 Hart Street W. C. 1, kiu sendube korespondos kun tiu libristo. Per tia dokumento en mano, ĉiuj esperanto-grupoj en la mondo devos nepre sukcesi, ke lernejaj aŭtoritatoj permesu novajn eksperimentojn aŭ enkondukojn de Esperanto.

## Esperanto kiel helpa lingvo internacia

Raporto de la Ĝenerala Sekretariaro al la Tria Kunsido Revizita de la Va komisiono kaj unuanime alprenita de la Ligo de Nacioj la 21 Septembro 1922

### I.

Depost sia fondiĝo la Ligo de Nacioj senĉese ricevadis petskribojn por alpreno de helpa lingvo internacia, kaj speciale de Esperanto, kiu estas disvastigita en multaj landoj kaj instruata en multaj publikaj lernejoj de pluraj Ŝtatoj. La Sekretariaro ne malzorgis ekzameni kun intereso ĉiujn ĉi proponojn, kiuj pruvadis, ke la sciencaj, komercaj, filantropiaj, turistaj kaj eĉ pli speciale la laboristaj medioj sentas la urĝan bezonon liberigi sin de la lingvaj komplikaĵoj, kiuj prezentas baron por la internaciaj rilatoj kaj precipe por la senperaj rilatoj inter la popoloj.

En la daŭro de la du unuaj kunsidoj la delegitoj de Sudafriko, Brazilio, Belgio, Ĉilio, Ĉinio, Kolombio, Haiti, Italio, Japanio, Hindio, Persio, Pollando, Rumanio kaj Ĉeĥoslovakio prezentis rezoluciojn proponantajn, ke la Ligo de Nacioj rekomendu la universalan instruadon de Esperanto en la lernejoj, kiel lingvo helpa internacia.

La dua Komisiono de la unua Kunsido alprenis jenajn konkludojn:

„La Komisiono konsentas kun la subskribintoj por konstati la gravajn lingvajn malfacilaĵojn kiuj prezentas baron por la senperaj rilatoj inter la popoloj kaj por deziri la instruadon en ĉiuj lernejoj de la mondo de lingvo internacia facila kaj simpla, kiu estus lernata de la infanoj flanke de ilia lingvo gepatra kaj servus al la estontaj generacioj kiel ĝenerala rimedo de internacia komunikiĝo. Tamen la Komisiono opiniis, ke estus bone aranĝi antaŭe enketon, bazante sin sur faktoj.

„Ĝi sciiĝis kun intereso, ke la tutmonda Kongreso de la internaciaj Asocioj kunveninta en Bruselo en septembro lastjare sukcesis atingi la unuanimecon de la partianoj de lingvo internacia pri la instruado de Esperanto, kaj, ke ĝi

rekomendis al ĉiuj, kiuj sin interesas al la demando, konsentiĝi por baldaŭigi praktikan solvon. Ĝi ankaŭ sciiĝis per diroj de la reprezentantoj de Persio kaj Ĉinio al la Ligo de Nacioj, ke vasta popola movado ekmontriĝas samcele en Azio, dum pluraj aliaj Ŝtatoj, anoj de la Ligo, kiel Brazilo kaj Ĉeĥoslovakio jam enkondukis tiun instruadon en publikaj lernejoj. La samon faris pluraj komunumoj de Anglio kaj Italio.

„Fine la Komisiono estis informita, ke tiu internacia lingvo helpa estis uzata kun sukceso en pluraj grandaj universalaj kongresoj, kie oratoroj ĉiulandaj interkompreniĝadis facile, kaj kie la debatoj povis de la komenco ĝis la fino okazi en unu sola kaj sama lingvo, metante tiel ĉiujn oratorojn sur la nivelon de plej kompleta egaleco. Tamen la Komisiono opiniis, ke oni ne devas ligi la Kunsidon ekster ĝiaj kompetentecoj, kaj ke estis bezone forigi paragrafon de la propono al ĝi submetita, kaj transformi tiun en simplan deziron indikantan al la ĝenerala Sekretariaro la oportunecon, aranĝi enketon por sciigi la proksiman Kunsidon pri la rezultatoj akiritaj sur tiu agadkampo.

„Jen estas la teksto de la deziro, kiun la Komisiono proponas al vi esprimi per plimulto:

„La Ligo de Nacioj, konstatante la lingvajn malfacilaĵojn, kiuj malhelpas la senperajn rilatojn inter la popoloj kaj la urĝan necesecon rimedi al tio por helpi la bonan interkonsenton inter la nacioj,

sekvas kun intereso la provojn de oficiala instruado de la lingvo internacia Esperanto en la publikaj lernejoj de pluraj Anoj de la Ligo,

esprimas la deziron, ke la ĝenerala Sekretariaro pretigu por la proksima Kunsido raporton pri la rezultatoj akiritaj en tiu agadkampo."

Ĉar la unua Kunsido opiniis, ke estas tro frutempe diskuti pri tiu temo, sekve la dua Kunsido prenis sur sin ties konkludojn, kaj komisiis la Ĝeneralan Sekretariaron entrepreni la proponitan enketon, decidante samtempe enskribi la demandon pri instruado de Esperanto en lernejoj sur la tagordon de IIIa Kunsido.

La konkludoj de la IIa Kunsido estis jenaj:

„La Komisiono opinias, ke tiu problemo, pri kiu interesiĝas nombro ĉiam pli granda de Ŝtatoj, meritas ĝisfundan studon antaŭ esti diskutita de la Kunsido. Komisiono lastjara jam estis komisiita pri tio, kaj prezentis mallongan raporton por rekomendi enketon de la ĝenerala Sekretariaro pri la jam faritaj spertoj kaj la rezultatoj fakte akiritaj.

„La Komisiono proponas, ke la demando estu metita sur la tagordon de la proksima Kunsido, kaj la Sekretariaro pretigu de nun ĝis tiam plenan kaj dokumentoriĉan raporton en la senco indikita en la rezoluci-projekto.

„Laŭ la deziro de la subskribintoj la raporto de la IIa Komisiono je dato de la 17a de decembro 1920 kaj la raporto de la Ĝenerala Sub-Sekretario pri lia misio ĉe la Praha Kongreso estos komunikataj al la membroj de la Ligo en konvena templimo."

*(Rezolucio alprenita la 15an de septembro 1921.)*

Por plenumi sian komision, la ĝenerala Sekretario sendis demandarojn al ĉiuj anoj de la Ligo de Nacioj kaj al la kompetentaj organizaĵoj, kaj li ankaŭ proponis la uzon de siaj oficejoj al internacia konferenco pri la instruado de Esperanto en lernejoj, ĉe kiu estis oficiale reprezentataj la Registaroj de dekses Ŝtatoj kaj komunumaj aŭtoritatoj, lernejaj institucioj kaj instruaj asocioj de 28 landoj. Tiu teknika konferenco, kunvokita de la lernejo pri Edukaj Sciencoj (Institut J. J. Rousseau, en Ĝenevo) kun ideo de scienca objektiveco, liveris al la Sekretariaro gravan parton de la pedagogia fako de ĝia dokumentaro.

Krom la respondoj al la demandaroj pri la faritaj spertoj kaj la rezultatoj akiritaj per instruado de Esperanto en la lernejoj, la Sekretariaro daŭre ricevis kvanton da dokumentoj kaj proponoj rilataj al la ĝenerala problemo de lingvo internacia. Gravaj skandinavaj asocioj proponis la alprenon de la lingvo angla kiel helpa kaj tutmonda. Amerikaj grupiĝoj sugestis revivigon de latino. Oni submetis al ni ankaŭ projektojn de lingvoj novaj kiel Occidental, Parlamento, Neo-Latina, kaj provoj de reformoj de Esperanto kiel Ido kaj Esperantido. Oni petis iafoje de la Sekretariaro, ke ĝi starigu ian lingvan Tribunalon por juĝi la koncernajn meritojn de la proponitaj lingvoj. Ni ekzamenis ĉiujn tiujn dokumentojn kun serioza atento, penante kunigi informojn pri ĉiuj flankoj de la demando.

La sekvantaj observoj povas prezenti intereson por la Kunsido: estas evidente, ke la problemo pri lingvo internacia estas samtempe praktika kaj lingva. Ne estas sufiĉe difini la plej eble bonan lingvon — se vere oni povas trovi universale alprenitan kriterion — krom tio estas necese ankaŭ alprenigi kaj instruigi ĝin. Tie la sperto, la akirita forto, la materialo libra kaj la nombro de instruistoj devas valori en la konsidero. Oni ne rajtas peti de la registaroj, ke ili implikiĝu en pure teorian aventuron.

Laŭ tiu vidpunkto estas evidente, ke la proponitaj lingvoj kiel la angla aŭ la latina prezentas grandajn avantaĝojn, sed iliaj maloportunaĵoj estas evidentegaj. La lingvo franca, kiu estas admirinda lingvo literatura, kaj ludas unuarangan rolon en la diplomataj rilatoj en Eŭropo, povas ankaŭ valorigi siajn rajtojn je universaleco. Tiuj du diplomataj lingvoj, la franca kaj la angla, certe daŭrigos ludi gravan rolon en la rilatoj de la intelektaj elitoj. Siaflanke la lingvo hispana, kiu estas la oficiala lingvo de deksep Ŝtatoj Eŭropaj kaj Amerikaj vidas ĉiutage kreski sian prestiĝon. Oni tuŝus demandon tro delikatan, volante starigi la superregadon de unu lingvo nacia super ĉiuj aliaj.

La lingvo latina prezentas la avantaĝon esti idiomo neŭtrala je vidpunkto politika, se ne je vidpunkto religia, sed ĝi estas tiel malfacile ellernebla, ke ĝi estas malmulte akirebla de la popolaj amasoj; ĝia vortaro ĉesis jam de longe respondi la necesaĵojn de moderna vivo. Por redoni al ĝi ĝian praktikan rolon de lingvo internacia tiom utila iam, estus necese arbitre renovigi ĝian leksikon kaj simpligi ĝian gramatikon.[1]) Multaj admirantoj de la lingvo Cicerona preferas en tiu okazo, ke oni elektu iun lingvon artefaritan, prefere ol tuŝi la klasikan latinon.

Lingvo artefarita estas senigita je la centjara prestiĝo de longa historia kaj literatura tradicio, sed ĝia vortaro tamen povas esti prenata tute el la lingvoj ekzistantaj, kaj tiel profiti je tiu tradicio. Aliflanke ĝi povas esti multege pli facile lernebla ol lingvo nacia, kies gramatiko svarmas pro malregulaĵoj. Maljuniĝante ĝi povas fleksebliĝi kaj riĉiĝi iom post iom, precipe se talentaj verkistoj kaj oratoroj uzas ĝin, sed ĝia uzado ĉiam restos duaranga, limigita je la esceptaj rilatoj inter personoj diversnaciaj, kaj sekve je karaktero praktika kaj konvencia ne kapabla konkurenci la lingvojn kulturhistoriajn.

La progresoj de la lingva scienco trafis sufiĉe unuforman koncepton de la dezirinda lingvo internacia. Ĉiuj lastaj provoj depost Esperanto inklude, similas multe unu la alian kaj estas bazitaj sur la samaj principoj: vortaro prenita el la elementoj komunaj al la lingvoj modernaj de Eŭropo kaj Ameriko, gramatiko malgrandigita ĝis minimumo, alfabeto latina kaj simpligita ortografio. La diferencoj inter la lastaj sistemoj estas tiel malgrandaj, ke pluraj, kiel Ido

[1]) Notindaj pri tiu temo estas la rimarkindaj verkoj de Prof. Peano, aŭtoro de la projekto *Latino sine flexione*.

kaj Esperantida prezentas sin kiel simplaj modifoj de Esperanto.[1])

Estus tro senpripense eldiri juĝon de absoluta valoro pri tiuj relative malgrandaj malkonsentoj. Ili estas klarigitaj per simpla diferenco de vidpunktoj, unuj kiel Occidental aŭ Ido donante grandan gravecon al la impreso farata de la skribitaj tekstoj sur okcidenta leganto ne avertita, la aliaj kiel Esperanto, penante plivole efektivigi la maksimumon de simpleco por ĉiuj popoloj, atentante ankaŭ pri la malavantaĝoj de la Orientanoj. Esperantida kaj Occidental estas postvenintaj al Ido, kiun iliaj aŭtoroj kritikas, riproĉante al ĝi „esti pli malantaŭeniro ol progreso rilate Esperanton, kies gramatikon ĝi malsimpligis".

La malfacilaĵo kuŝas en tio, ke la lingvistoj, kvankam konsentante ĝenerale pri la principoj, havas tamen malkonsentojn — iafoje tre akrajn — pri aplikaj detaloj, kiuj ŝajnas al ili eble pli gravaj laŭ vidpunkto teoria, ol ili estas en la praktiko.[2])

Kiam oni studas la historion de la proponitaj reformoj, kiel Ido aŭ Esperantida, kiuj estas kontraŭdiraj pri multaj punktoj, oni ektimas, ke, se nova komitato de teoriuloj kunvenus nuntempe, kiel tiu, kiu proponis Idon en jaro 1907, ĝi formulus ankoraŭ novan proponon de modifo, kiu estus kritikata siavice post kelkaj jaroj, kaj tiel same senfine. La intereso de la mondo estas havi unu helpan lingvon, kaj ne du aŭ tri, kaj je la praktika vidpunkto estas malpli riske konsideri unu, kiu havas post si kelkan sperton, komencon de tradicio kaj garantion de daŭra unueco.

Aŭtoritata korporacio, kiel la Brita Scienca Asocio, ekzameninte diversajn proponojn kaj forjetinte tiun de la latino trafis la konkludon, ke Esperanto kaj Ido estas ambaŭ taŭgaj (laŭ la lingva vidpunkto) kaj ke neniel ĝi povus inter ili elekti. Aliaj organizaĵoj, kiel la Pariza Komerc-ĉambro kaj la Finna Parlamento trovis Idon senutila komplikaĵo, kaj konservis nur Esperanton. La tutmonda kongreso de la Internaciaj Asocioj kunveninta en Bruselo en 1920 rekomendis al ĉiuj amikoj de lingvo internacia, ke ili unuiĝu por Esperanto.

Ŝajnas certe, ke povas esti pli ol unu konvena formo, kaj estus riske pretendi, ke tiu ĉi aŭ tiu estas supera al la aliaj pri ĉiuj punktoj. Tie kuŝas ofte demando pri vidpunkto socia aŭ geografia plivole ol pri scienca taksado, kaj io, kio al unu ŝajnas esti manko, por alia estas konsiderata kiel avantaĝo.

La Ĝenerala Sekretariaro estis komisiita studi la demandon precipe laŭ vidpunkto praktika, bazante sin sur la faktoj kaj aparte sur la instruado de Esperanto en lernejoj. Al ĝi ŝajnas, ke la avantaĝo estas efektive por la lingvo, kiu havas jam grandan nombron da adeptoj, kaj kiu eltenis la elprovon de l'uzado. Esperanto certe estas la lingvo artefarita, kiu plej vaste estis parolita en grandaj universalaj kongresoj, en kunvenoj ĉiaspecaj, en vojaĝoj, en internaciaj oficejoj kaj eĉ en teatro. Tio donas al ĝi karakteron de vivanta lingvo, kiu mankas en la nure skribitaj sistemoj. La esprimo de l'sentoj en ĝi fariĝis ebla. En la daŭro de tridek-kvin jaroj la lingvo fine kreis al si komencon de stilo.

Ekzistas kelkaj verkistoj kaj oratoroj, kiuj uzas ĝin kun forto kaj eĉ kun eleganteco. Ĝia sonoro cetere iom memorigas tiun de la Sudlatinaj lingvoj, dank'al la antaŭlasta akcentita silabo kaj la vokalaj finiĝoj.

Je la materiala vidpunkto Esperanto posedas bibliotekon de ĉirkaŭ kvar mil verkoj presitaj, tradukitaj aŭ originalaj; revuoj kaj publikigaĵoj ĉiaspecaj, lernolibroj kaj vortaroj en preskaŭ ĉiuj lingvoj, kaj personaron por la instruado en sufiĉe granda nombro da landoj. Kio mankas ankoraŭ al ĝi estas teknikaj vortaroj de pluraj gravaj sciencoj. Leksikonoj Esperantaj ekzistas jam por kemio, farmacio, mekaniko, maraferoj, botaniko, sed mankas tiuj de elektro, fiziko, geologio. La Esperantista Akademio devus senprokraste agi por la preparo de tiuj vortaroj. La manko de monaj rimedoj ŝajnas esti la ĉefa kaŭzo de tiu prokrasto.

Por la ĉiutaga lingvo, Esperanto estis ĝis nun tre ŝparema je novaj vortoj, el timo komplikigi sin, sed la aŭtoroj iom post iom riĉigas la vorttrezoron kaj la Akademio enregistrigas la radikojn, kiuj ĝuas la plej grandan sukceson. Ĉiuj entreprenitaj laboroj, eĉ ekster Esperanto kaj ankaŭ de ĝiaj kritikantoj povus esti uzataj por la postvenonta disvolvo de la lingvo. Studoj kiel tiuj de S-roj Peano (internacia vortaro), de Saussure (Esperantida) kaj L. de Beaufront (Ido) povus alporti utilajn kunlaborojn al la Akademio de Esperanto por ĝia estonta vortaro.

* * *

II.

### Esperanto en la Publika Instruado

La unuaj lernolibroj de D-ro Zamenhof (kies pseŭdonimo estis D-ro Esperanto) aperis en Varsovio en la jaro 1887. Naskiĝinta en j. 1859 kaj mortinta en j. 1917, li dum sia tuta vivo laboradis por efektivigi infanan revon: proksimigi la popolojn, donante al ili rimedon de interkomprenado. Por li la lingvo ne estis celo, sed rimedo de homa konkordo.

Ĉeestante la XIII an Universalan Kongreson de Esperanto en Praha, kie kunvenis 2500 partoprenantoj de la tuta mondo, la Ĝenerala Sub-sekretario de la Ligo de Nacioj estis frapita de la alta spirito kaj de la homama entuziasma blovo, kiuj regis la kunvenon. Li konstatis en sia raporto, ke la disvolviĝo de la lingvo kaj ĝia vivanta karaktero ŝuldas multon al la potenca spirita aspiro donata de Zamenhof al la movado kaj al la literaturo esperantistaj. En la landoj de Orienta kaj Norda Eŭropo la lingvo trovis siajn unuajn milojn da adeptoj, kiuj grupiĝis ĉirkaŭ la revuo „Lingvo Internacia" fondita en Upsala en Svedio.

Depost la Pariza Universala Ekspozicio en jaro 1900 la movado disvolviĝis rapide en Francio, kie la universitataj medioj faris al ĝi varman akcepton. De tiu momento precipe Francio konigis Esperanton fremdlande, kaj interesis je ĝi oficialajn instituciojn.

La ĉefaj direktantoj de Esperanto antaŭ la milito estis preskaŭ ĉiuj francaj universitatanoj. Universitata rektoro prezidis ĝian Akademion, membro de la Instituto ĝian Kongresan Komitaton.

En jaro 1905 la Registaro de la Franca Respubliko ordenis D-ron Zamenhof per la Honora Legio, kaj la unua universala kongreso de Esperanto okazis en Francio. La

[1]) Jen estas ekzemple teksto transskribita en tiuj malsamaj formoj:

Occidental.

„Por un hom vermen civilisat, un filosof, o un jurist, li conossentie del latin est desirabil, ma un lingue international es util por li modern comunication di un land al altri."

Esperantida.

„Por homo vere civilizita, juristo or filozofo, la kono de la linguo latina estas dezirinda, sed linguo internacia utilas por la moderna interrilato dey una popolo al alia."

Ido.

„Por homo vere civilizita, filozofo od yuristo, la konoco dil latina esas dezirinda, ma linguo internaciona esas utila por la komunikado moderna de un lando al altra."

Esperanto.

„Por homo vere civilizita, filozofo aŭ juristo, la kono de latina lingvo estas dezirebla, sed internacia lingvo estas utila por moderna interkomunikado de lando al alia."

[2]) Sekve, ne estas de plej granda graveco por la mondo, ke la substantivoj formas sian pluralon per *es*, per *on*, per *oj*, aŭ per *i*, se estas akceptite, ke la komuna internacia vortaro (preskaŭ tute anglo-latina) estas proksimume la sama.

unuan de aŭgusto 1914 devis malfermiĝi en Parizo la Xa Kongreso kun 4000 enskribitaj partoprenontoj. La milito interrompis tiun disvolviĝon.

Tamen la mondkatastrofo, kiu starigis tutajn popolojn unu kontraŭ la alia, vidigis en maniero ankoraŭ pli tragedia la necesecon de lingvo internacia por la servo de la Ruĝa Kruco, la helpo al vunditoj, la militkaptitejoj, la raportoj inter ligitaj armeoj. La Ŝtata Franca Sub-Sekretario de la servo de Soldata Saneco organizis per oficiala cirkulero de la 20a de majo 1916 la disdonadon de Esperanta-Ruĝkrucaj lernolibroj al la oficistaro de sanecaj fakoj. En la vastaj internitejoj de Siberio miloj da homoj el ĉiuj nacioj lernadis Esperanton por interfratiĝi inter si kaj kun siaj Japanaj gardistoj. Tiuj faktoj decidis la Xan konferencon internacian de Ruĝa Kruco, kunvokitan post la milito, rekomendi la universalan studon de Esperanto „kiel unu el la plej potencaj rimedoj de interkompreno kaj internacia kunlaborado por efektivigi la homaman idealon de Ruĝa Kruco".

Antaŭ la milito Esperanto estis precipe instruata al plenaĝuloj, de privataj societoj aŭ en kursoj vesperaj. Ekzistis tiam 1574 enregistritaj societoj en 24 landoj de la mondo. Tamen la laŭvola instruado de la lingvo internacia estis inaŭgurita en la unuagradaj lernejoj de Lille kaj ĉe la Liceo de St. Omer en Francio. En jaro 1916 la lernejaj aŭtoritatoj de Eccles (Manchester) en Anglio kun la konsento de la ministrejo de Publika Instruado organizis la unuan eksperimenton de deviga Esperanto-instruado en unu lernejo.

Oni komprenis ke la lingvo internacia donos vere sian dezirindan maksimumon de servoj nur tiam, kiam ĝi estos instruata kiel dua lingvo al ĉiuj infanoj de la mondo. La ekzemplo estis baldaŭ sekvata de aliaj anglaj komunumoj kaj de la ministrejoj de aliaj Ŝtatoj.

Nuntempe Esperanto estas instruata en iaj unuagradaj aŭ duagradaj lernejoj de ĉirkaŭ 320 urboj en 17 landoj kaj en la vesperaj kursoj de proksimume 1200 urboj en 39 landoj de la kvin kontinentoj.

Ni citos ĉi tie nur la landojn, kie oficiala decido estis prenita de la Ŝtato aŭ de lokaj gravaj aŭtoritatoj.

En *Bulgario* la Parlamento enkondukis Esperanton en la programojn per leĝa aranĝo (artikolo 143 de la lerneja leĝo voĉdonita en jaro 1921.) La instruado komenciĝis kiel fako laŭvola, en 1921—22 en 25 ŝtataj lernejoj. La oficialaj raportoj indikas 30 klasojn, 25 profesorojn, kaj 784 gelernantojn. Esperanto estas instruata en la pedagogiaj kursoj por la preparado de duagradaj instruistoj, en la soldata lernejo de Sofia kaj en la vesperaj publikaj kursoj de 19 urboj. La Esperanta societo Bulgara havas sekciojn en 25 urboj kaj la ligo de junuloj en 6 lokoj. La movado estas patronita de la Komerca-industria Ĉambro, la Ruĝa-Kruco, la Societo de Beletristikuloj, la turistaj asocioj, la pedagoggia societo kaj de certa nombro de profesoroj en Sofia. En lingvo bulgara aperis 13 lernolibroj kaj 4 vortaroj de Esperanto, kies ekzemplerojn oni vendis 45.000. La Registaro subvenciis la 4an nacian kongreson de Esperanto, patronitan de la Publikinstrua Ministerio.

Esperanto servis por organizi multajn renkontojn kaj kunvenojn inter bulgaraj, serbaj kaj rumanaj societoj. En Esperanto S-ro Parish, el la Komerca Ĉambro de Los Angeles faris en Bulgario sian konferencan rondiron pri Kalifornio.

En *Brazilio*, kie pluraj ministerioj favoras la disvastiĝon de Esperanto, tiu lingvo estas instruata jam de 1910 kiel branĉo laŭvola en la unuagradaj kaj duagradaj lernejoj de Rio de Janeiro. La leĝo de l'31a de oktobro 1918 enkondukas ĝin en la normalaj kaj la duagradaj lernejoj de la Ŝtato Sergipe, kaj la dekreto de la 11a de januaro 1919 en la unuagradaj, profesiaj kaj normalaj lernejoj de la Federacia Distrikto. En oktobro 1921 la Brazila Esperantista Ligo estis rekonita kiel publikutila de la du Ĉambroj de la Federacia Parlamento. Ministra dekreto de la 10 de marto 1915 rekonas Esperanton por la telegrafa servo, kaj ministra cirkulero de la 4a de februaro 1922 ordonas al ĉiuj direktantoj de Poŝtaj Administracioj fari liston de la oficistoj konantaj Esperanton. Ni ricevis ĉe la Ĝenerala Sekretariejo de la Ligo de Nacioj petskribon favoran al Esperanto, subskribitan de 225 eminentaj personoj de Brazilo: la iama prezidanto de la Respubliko, ministroj, senatoroj, deputitoj, anoj de la Akademioj beletristika, sciencaj, medicina, de fakultaj dekanoj, de universitataj profesoroj, de direktoro de la politeknika lernejo, prezidantoj de la geografia Societo, de la medicina Societo, Federacio de Komercaj Ĉambroj, verkistoj kaj literaturistoj konataj.

En *Belgio*, kie la Reĝa Princo patronas la nacian Esperanto-ligon, tiu lingvo estis enkondukita en la kvara grado de la unuagradaj lernejoj en Verviers, per decido de la komunuma Konsilantaro. La komunumo de St. Gilles, Bruselo, instruigas ĝin oficiale jam de 1911 per jara kurso malfermata al lernantoj dekses-jaraj. La komunumo de Antwerpen instruigas ĝin en siaj komplementaj kursoj depost 1921.

En *Ĉinio*, ministra dekreto datita en jaro 1911 enkondukis Esperanton en la programon de la normalaj lernejoj. La nacia konferenco pri publika instruado en jaro 1921 petis aplikon pli ĝeneralan de la dekreto kaj rekomendis la enkondukon en ĉiuj duagradaj lernejoj. Esperanto estas instruata ankaŭ en la universitato de Peking kaj en la teknikaj lernejoj de Hanko, Kanton, Shanghai, kaj Hangĉo. La ministerio de publika instruado sendis oficialan delegiton al la internacia Ĝeneva Konferenco pri Esperanto en la lernejoj.

En *Hispanio*, la Regnestro, Lia Reĝa Moŝto Alfonso interesiĝas persone je la disvolviĝo de Esperanto. En la jaro 1909 la Hispana Registaro invitis per vojo diplomatia ĉiujn Eŭropajn Ŝtatojn, ke ili reprezentigu sin oficiale ĉe la Sesa Universala Kongreso de Esperanto en Barcelono, kaj la Reĝo nomis D-ron Zamenhof komandoro de la Ordeno de Isabelo Katolika. Ministra dekreto de 27 julio 1911 rekonas Esperanton kiel branĉon laŭvolan en la instruado supera kaj duagrada kaj la konon de tiu ĉi lingvo kiel avantaĝon por la kandidatoj je administraj oficoj. Ĝi estas instruata en la normalaj lernejoj de Madrid, de Zaragoza, kaj de Huesca depost 1919.

En Madrid la direkcio de publika ordo instruigas Esperanton en la polica lernejo, kiel en Braunschweig, en Dresden, en Edinburgh kaj en Lisbono, kie la policanoj estas tiel preparitaj faciligi la iradon de la fremduloj sur la stratoj. Estas kursoj de popolaj societoj kaj universitatoj en 31 urboj, kaj la lingvo estas instruata laŭvole en Valencia ĉe la Konservatorio, ĉe la Lernejo de Artoj kaj Metioj kaj ĉe la Universitato (Instituto de Idiomas), en Barcelona ĉe la universitato, en 2 liceoj kaj en pluraj religiaj lernejoj.

En Hispanio estas publikigataj pluraj revuoj en Esperanto, kaj la Reĝo prenis sub sian patronadon la duan kongreson Esperantistan Iberian, en Zaragoza en jaro 1921. La saman jaron la Hispanaj Esperantistoj invitis en plurajn urbojn arojn da aŭstriaj malsatantaj infanoj, kiuj lernis Esperanton por la vojaĝo kaj estis gastigitaj en diversaj familioj.

36 lernolibroj kaj 9 vortaroj de Esperanto estis publikigitaj en Hispana lingvo, 5 lernolibroj kaj 2 vortaroj en lingvo kataluna.

En *Finnlando*, la Parlamento dediĉis du longajn kunsidojn al la demando pri lingvo internacia. Du fojojn ĝi voĉdonis kreditojn por disvolvi la popolan instruadon de Esperanto en Finnlando, kaj malakceptis proponon, kiu tendencis subvencii ankaŭ Idon, opiniante ke estas necese kuraĝigi la unuecon kaj ne la dividon en tiu fako.

Ministra dekreto de la jaro 1919 permesas la laŭvolan instruadon de Esperanto en la lernejoj, kie la direkcio tion petos. Tiu instruado komenciĝis en 4 unuagradaj lernejoj, 9 duagradaj, kaj 2 komercaj lernejoj en Helsinki, Tampere, Raŭma, Mikkeli, Turku, ktp. Estas kurso en la universitato de Helsinki por prepari instruistojn. Esperanto ankaŭ estas instruata ĉe la blindulejo, en pluraj evangeliaj lernejoj, en la komplementaj kursoj de 6 urboj, kaj en la laboristaj universitatoj de 15 loĝlokoj. Ekzistas 36 grupiĝoj por la studo de Esperanto, el kiuj 10 estas monhelpataj de la Registaro. Aperis en lingvo finna 10 lernolibroj kaj 4 vortaroj de Esperanto (107.000 ekzempleroj).

La ministerio de publika instruado reprezentigis sin ĉe la Ĝeneva Konferenco.

En *Francio,* laŭ cirkulero de 3 junio 1922 la instruado de Esperanto ne estas permesata en lernejoj sub la ministerio de publika instruado. Leĝprojekton deponis en jaro 1907 ĉe la Ĉambro 66 deputitoj, sed ankoraŭ ĝi ne estis diskutita. Petoskribo estis prezentita en 1921 de 25 membroj de la Akademio de Sciencoj, petante ke Esperanto estu instruata en la teknikaj lernejoj.

La Komerca Ĉambro de Parizo elektis en jaro 1920 komisionon por studi la problemon kaj alprenis unuanime ĝiajn konkludojn la 9an de februaro 1921:

„Konsiderante ke la interrilatoj komercaj de la tuta mondo estus multe faciligitaj per la uzo de helpa lingvo internacia;

„Konsiderante ke la demando neniel celas atenci la lingvojn naciajn, kaj speciale la lingvon francan, kies literaturo intime ligita al nia historio, estas riĉa je nepereontaj majstroverkoj;

„Konsiderante ke la lingvo helpa devas kontraŭe esti starigita kiel ia internacia lingvokodo servanta kiel interpreto inter la nacioj, kaj devas pro tiu kaŭzo esti akirebla per studo facila kaj rapida;

„Konsiderante de Esperanto ŝajnas kunigi la dezirindajn kvalitojn de klareco kaj metoda simpleco, tiom je la vidpunkto de la elparolado kiom de la gramatiko, vortaro kaj esprimriĉeco,

„La Pariza Komerca Ĉambro:

1. Decidas enkonduki la laŭvolan instruadon de Esperanto en siaj komercaj lernejoj;

2. Esprimas la deziron ke tiu instruado estu ĝeneraligita en Francio kaj fremdlande, kaj ke la Komercaj Ĉambroj en ĉiuj landoj, zorgantaj faciligi la komercajn interrilatojn favoru la rapidan disvastigon de la internacia lingvo helpa."

Konsekvence Esperanto estas instruata depost 1921-22 ĉe la praktika supera Komerca kaj Industria Lernejo, kaj en la Komercaj Lernejoj de Parizo kaj estos instruata depost 1922-23 ĉe la Lernejo de altaj komercaj studoj. Ekzistas societaj kursoj en 55 urboj kaj franclingve estis publikigitaj 8 vortaroj kaj 38 lernolibroj de Esperanto, el kiuj la kvar plej disvatigitaj atingis respektive 450.000, 89.000, 40.000 kaj 25.000 ekzempleroj.

La Esperantista movado estas patronita en Francio de la Franca Turing-klubo, de la Franca Asocio por Antaŭeniro de la Sciencoj, de la Franca Mara Ligo, de verkistoj, kiel Tristan Bernard, Henri Barbusse, Léon Frapié, Victor Margueritte, Georges Ohnet, de Ŝtatistoj kiel S-roj Chaumet Deschamps, Justin Godard, Sembat, Steeg, iamaj ministroj, Herriot, urbestro de Lyon, Painlevé, eksprezidanto de la Konsilantaro, de 25 sciencistoj de la Scienca Akademio kiel Prof. d'Arsonval, princo Roland Bonaparte, generalo Bourgeois, la princo de Monaco, profesoro Charles Riche, D-ro Roux, generalo Sébert, kaj de aviadistoj kaj industriistoj konataj kiel Farman, Quinton, Archdeacon, Michelin, k. t. p. La rolo ludita de Francio en la disvolviĝo de Esperanto kaj du kazoj de oficiala kuraĝigo en 1905 kaj 1916 estis menciitaj sur paĝo 5 kaj 6 (de tiu ĉi n-ro).

En *Britio,* kie la IIIa universala Kongreso de Esperanto estis patronita de duko de Connaught, kaj de la lord-urbestro de Londono, Esperanto estas instruata kiel fako eksperimenta en 13 unuagradaj lernejoj de Barry, Bedworth, Coatbridge, Eccles, Huddersfield, Keighley, Leeds, Leigh, Liverpool, Rosyth, Strond, Tottenham, Worcester, 4 duagradaj lernejoj de Bishop Auckland, Bournemouth, Bruntisland, kaj Kylsith, kaj kiel fako laŭvola en la komplementaj kursoj de dudeko da urboj. Vesperaj kursoj neoficialaj okazas en la lernejaj ejoj de cento da urboj. Esperanto estas instruata krome en la laboristaj lernejoj de Manschester, Edinburgh kaj Glasgow, kaj en la blindulejoj de Birmingham kaj Edinburgh.

La Londona Komerca Ĉambro aranĝas ekzamenojn kaj disdonas diplomojn de Esperanto.

Laŭ la tre dokumentoriĉa raporto, kiun havigis la brita Ministro de Publika Instruado al la Sekretario de la Ligo de Nacioj, la komunumaj lernejaj aŭtoritatoj mem, petis kaj ricevis de li la permeson enkonduki Esperanton en la programojn, kiel eksperimento.

La Komisiono de Modernaj Lingvoj, elektita de la Ĉef-Ministro en la jaro 1918 insistis pri la utileco de lingvo internacia artefarita, kies stabileco povus esti atingita per akordo internacia. La instruado de Esperanto en la duagrada lernejo de Bishop Auckland, monsubtenita de la Ministro de Publika Instruado, estas permesita kiel eksperimento prepara por la studo de aliaj lingvoj fremdaj.

Anglalingve estis publikigitaj 27 lernolibroj kaj 8 vortaroj de Esperanto, el kiuj oni vendis 661.000 ekzemplerojn.

En Granda Britio aperis 124 verkoj en Esperanto, el kiuj 6 originalaj romanoj, la Nova Testamento, la Biblio, unu psalmaro, kaj kvardeko da tradukoj de anglaj verkoj. Oni taksas je 50.000 la nombron de plenkreskuloj lernintaj Esperanton.

Petoskribo al la Ligo de Nacioj estis subskribita de 1250 eminentuloj, membroj de la Parlamento, de juĝistoj, de lord-urbestroj, de lord-prepostoj, de urbestroj kaj de granda nombro da universitataj profesoroj. Esperanto estis publike subtenata en Anglio de viroj kiel Lord Bryce, Sir William Ramsay, Lord Robert Cecil, Sir Robert Baden-Powell, Sir William Maxwell, Lord Shaw kaj Dumfermline, Arthur Henderson, H. G. Wells, Israel Zangwill ktp.

En *Italio,* Esperanto estas instruata nedevige en 6 maristaj lernejoj sekve de cirkulero de la ministro de maraferoj datita la 21 novembro 1921.

Aliflanke la komunumoj Milano, Bologna, kaj Cremona enkondukis ĝin kiel fakon laŭvolan en siaj unuagradaj lernejoj, kaj tiu de Cologna-Veneta en sia teknika lernejo.

En Milano la instruado komenciĝis en 1920 kaj la Komunuma Konsilantaro decidis ĝian definitivan daŭrigon, ĉar $^2/_3$ de la gepatroj vizitigis ĝin de siaj infanoj. Ekzistis en 1921—1922, 54 klasoj kun 2000 lernantoj de 5a kaj 6a grado (10—12 jaraj).

En Bologna en jaro 1921—1922 la instruado komenciĝis en 4 klasoj kun 200 lernantoj, kaj en Cremona la saman jaron en 10 klasoj kun 225 lernantoj de la sama aĝo kiel en Milano.

En la vesperaj kursoj kaj la popolaj universitatoj de Italio okazis dum la vintro 1921—1922, 350 kursoj pri Esperanto. Itallingve estis publikigitaj 18 lernolibroj kaj 5 vortaroj Esperanta-italaj; 13.697 personoj lernis Esperanton en kursoj publikaj. Oni kalkulas ke estas 300 preparitaj profesoroj kaj instruistoj, dum necesa estus almenaŭ unu milo da ili por respondi al la nuntempaj bezonoj. La ministerioj de Maraferoj kaj Publika Instruado reprezentigis sin ĉe la Konferenco en Ĝenevo. La demando estis tuŝita en Parlamento la 3an de junio 1922 kaj la deputito De

Giovani invitis la Registaron preni la iniciaton de Konferenco aŭ de internacia interkonsento por enkonduki ĉie la devigan instruadon de Esperanto en la lernejoj.

En *Japanio,* la Parlamento ekzamenis 2 petskribojn subskribitajn de eminentaj universitatanoj kaj diplomatoj, kiuj petis la enkondukon de Esperanto en la lernejajn programojn. Ĝi akceptis favore la duan kaj komisiis la ministerion de Publika Instruado fari la aranĝojn necesajn en tiu senco.

Ĝis nun Esperanto estis instruata en la lernejo de Seikei apud Tokio, en la normala supera Lernejo de Hiroŝima, en la Supera Lernejo de Jokosuka kaj en la societaj kursoj de kvardeko da urboj. Ekzistas grupoj da studentoj ĉe la universitato kaj la lernejo de Altaj Studoj en Tokio, ĉe la medicina fakultato de Kioto, ĉe la Supera Lernejo de Kampokulturo en Kagoŝima kaj en pluraj liceoj. Inter la konataj Esperantistoj oni citas S-rojn Kroita, profesoro de literaturo ĉe la Imperia Universitato de Tokio, kaj Nakamura, direktoro de la centra meteorologia Observejo. Barono Goto, urbestro de Tokio kaj eksministro de fremdaj Aferoj patronas la movadon.

En Esperanto la ministro de Finnlando en Japanio, S-ro Ramstedt faras konferencojn pri sia lando en la ĉefaj urboj de l'Imperio. Pluraj revuoj en Esperanto aperas en Japanio kaj japanlingve estis publikigitaj 5 lernolibroj kaj 2 vortaroj.

La ministro de fremdaj aferoj reprezentigis sin ĉe la Ĝeneva Konferenco.

En *Nederlando,* la nova lerneja leĝo permesas la instruadon nedevigan de fakoj suplementaj. Per uzo de tiu artikolo Esperanto estas instruata en 7a klaso unuagrada de Haarlem, en 6a en De Ryp, kaj 7a en Ootmarsum. Ĝi estas ankaŭ instruata en la blindulejo de Grave, kaj en 32 privataj lernejoj de la Sudaj provincoj, ialoke kiel branĉo deviga. La plimulto el tiuj lernejoj estas katolikaj internulejoj.

Aliflanke la Komunumo de Hago instruigas Esperanton en siaj kursoj vesperaj, same kiel la popolaj universitatoj de Amsterdam kaj Rotterdam. Kursoj societaj aŭ donitaj de komercaj institutoj okazas en 95 urboj, kaj la Nederlanda Esperanta Societo donis diplomon al 118 profesoroj. La delegito de la Ministerio de la Publika Instruado de Nederlando ĉe la Konferenco pri Esperanto en lernejoj donis la ciferon da 250 preparitaj instruistoj.

La Departamento de Poŝtoj kaj Telegrafoj indikigas per surskribo la giĉetojn, kie estas oficisto parolanta Esperanton kaj la tramvoja kompanio de Hago donas plipagon al tiuj el siaj oficistoj, kiuj lernas tiun lingvon.

Nederlandlingve ekzistas 29 lernolibroj kaj 5 vortaroj Esperantaj publikigitaj de diversaj eldonistoj.

En *Portugalio,* la tre interesa raporto, kiu estis sendita al ni de la registaro de tiu respubliko rimarkigas, ke la Ministerio de Publika Instruado laŭ propono de la Direktoro Ĝenerala de la supera instruado starigis oficialan ekzamenan komisionon de Esperanto. Jam de 1917 la Ministerioj de Milito kaj Maraferoj permesas al la kanditatoj, kiuj akiris diplomon de Esperanto porti specialan insignon sur sia uniformo. Ministra dekreto enkondukis la instruadon de Esperanto en la lernejo Ferreira-Borges kaj en la polica lernejo de Lisbono.

Esperanto estis rekonita kiel oficiala lingvo de la Foiro de Lisbono flanke de la nacia lingvo, kaj ĝi estas instruata en la komerca Ateneo, en la libera Universitato, ĉe la Asocio de unuagradaj instruistoj, ĉe la geografia Societo kaj en preskaŭ ĉiuj laboristaj rondoj de Lisbono.

La raporto de la Registaro konstatas, ke la lernantoj lernas la lingvon tre rapide kaj estas ĝenerale kapablaj ĝin legi, skribi kaj paroli sufiĉe bone por komprenigi sin post 24 lecionoj. Portugallingve aperis 11 lernolibroj kaj 4 vortaroj Esperanta-portugalaj.

En *Svislando,* ne ekzistas centra lerneja aŭtoritato. Ĉiu kantono estas memreganta en tiu fako. La departamento de Publika Instruado de la Respubliko kaj Kantono Ĝenevo enkondukis en 1921—1922 la devigan instruadon de Esperanto kiel provon en la lasta grado de la unuagradaj lernejoj. Ekzistas 13 klasoj kun 400 gelernantoj (13—14 jaraj).

Esperanto estas instruata en socia lernejo por virinoj (Ĝenevo), en seminario (Zug), en lernejo (Schwytz), en privata instituto (Zürich) kaj en la vesperaj kursoj de komercaj kaj aliaj societoj de 19 urboj.

En *Ĉeĥoslovakio,* ministra dekreto de la 29a de marto 1921 permesas la nedevigan instruadon de Esperanto en la lernejoj, kie estas instruistoj kapablaj por tio. La direkcioj ricevis la ordonon fari proponojn, submetante la antaŭviditan programon kaj la atestojn de kapableco de la disponebla instruantaro. En 1919—1920—1921 tiu instruado estis jam donita en 15 unuagradaj lernejoj al 450 lernantoj, en 3 duagradaj lernejoj al 325 lernantoj kaj en 1 profesia lernejo al 40 lernantoj. La Ministerio aprobis du oficialajn lernolibrojn en lingvoj ĉeĥa kaj germana, kaj ĝi elektis 3 ekzamenantojn (2 de ĉeĥa kaj 1 de germana lingvoj). Ĉeĥlingve aperis 15 aliaj lernolibroj kaj 6 vortaroj de Esperanto. La programo de la komercaj lernejoj aperinta en la ministeria Bulteno de 15a majo 1921 enhavas du horojn lecionojn ĉiusemajne pri Esperanto. Kiel eksperimento, la Ministerio ankaŭ permesis en la komercaj lernejoj la nedevigan instruadon de Ido la 15an septembro 1921, „se troviĝas profesoro kapabla kaj se la lernantoj preferas lerni tiun lingvon", sed enskriboj ne estis kaj konsekvence okazis neniu kurso, escepte en unu lernejo en Hořice

Esperanto estas nuntempe instruata en la komercaj lernejoj de Brno, Beroun, Hořice, Liberec, Plzeň kaj Žatec. La nombro de la lernantoj en ĉiu klaso varias de 21 ĝis 54.

En Ĉeĥoslovakio Esperanto estas tre disvastigita. Esperantistaj grupoj ekzistas en ĉiuj urboj kaj eĉ en vilaĝoj. La Universala Kongreso de Praha estis patronita de la Registaro kaj D-ro Beneš deklaris en oficiala sciigo, ke la Registaro konsideras Esperanton kiel gravan faktoron de monda civilizado kaj pacigado.

•

Krom la Regnoj estantaj Membroj de la Ligo de Nacioj je la dato de tiu ĉi raporto ekzistas aliaj, kie Esperanto estas oficiale instruata.

En *Germanio* la Ministerioj de Publika Instruado de la Ŝtatoj Braunschweig, Hessen, Sachsen, faris decidojn favorajn al Esperanto. Ĝia deviga instruado estis enkondukita en 1920 kaj 1921 de la komunumaj aŭtoritatoj en la unuagradaj lernejoj de 5 urboj kaj ĝia instruado nedeviga en la unuagradaj lernejoj de 39 urboj, en la duagradaj lernejoj de 9 urboj, en la Teknikaj kaj Komercaj Lernejoj de 13 urboj kaj en la komplementaj kursoj de 44 urboj. En 1922 ĝi estis enkondukita en la publikaj lernejoj de 52 novaj loĝlokoj, entute 162 urboj, el kiuj Breslaŭ, Chemnitz, Dresden, Leipzig, Nürnberg, k. t. p. Ĝi estas instruata en la blindulejoj de 3 urboj.

La germana Ministerio de Interno donis karakteron oficialan al la Germana Esperanta Instituto en Leipzig por prepari la instruantaron. Ŝtataj ekzamenantoj estis difinitaj por 18 urboj, kaj la nombro de instruistoj nun instruantaj Esperanton en Germanio estas 630.

Laŭ la oficiala raporto, kiu estis komunikita al ni de la reprezentanto de la Ministerio de Interno ĉe la Ĝeneva Konferenco, ekzistas kursoj de Esperanto por plenkreskuloj en 211 urboj kaj 279 Esperantistaj grupoj, el kiuj 90 estas laboristaj grupoj.

Dum la vintro 1921—22 okazis en Germanio 1592 kursoj, kiuj estis sekvataj de 40.256 plenkreskuloj, el kiuj 20.456 laboristoj.

Oni taksas je 120.000 la nombron de la personoj, kiuj lernis la lingvon antaŭ 1922. Germanlingve estis publikigitaj 49 lernolibroj kaj 18 vortaroj de Esperanto. Oni vendis iom pli ol 600.000 ekzemplerojn de la lernolibroj.

En *Hungario*, ministra dekreto de 30 Oktobro 1920 permesas la nedevigan instruadon de Esperanto en la duagradaj lernejoj. Du kursoj okazas en la Universitato de Budapest por instruistoj.

Aliflanke, la Komunumo de Budapest permesas 6 publikajn kursojn en la lernejoj de la ĉefurbo. 16 esperantistaj grupoj ekzistas en Budapest kaj ĝiaj antaŭurboj kaj en provinco 25. Oni taksas je 50.000 la nombron de la personoj lernintaj la lingvon. Hungarlingve aperis 22 lernolibroj kaj 6 vortaroj esperantaj. Oni publikigis en Hungario 43 verkojn en tiu lingvo, el kiuj 21 tradukojn de hungaraj literaturaj majstroverkoj kaj unu antologion de la kroataj aŭtoroj. La poeto Kalocsay publikigis originalajn verkojn en Esperanto. Esperanto estas instruata al policanoj, al poŝtistoj kaj al la blinduloj de la Budapesta azilo. La Ŝtato presigis senpage por tiuj ĉi lastaj lernolibrojn de tiu lingvo en Braille'a reliefskribo. Depost 1918 la Ministerio de Fremdaj Aferoj publikigis en Esperanto kelkajn broŝurojn, el kiuj unu verkon pri la „Ekonomia Unueco de Hungario", por konigi la situacion de la lando fremdlande. Alvoko publikigita en la fremda Esperantista gazetaro produktis 100.000 kronojn por la malsatantaj infanoj de Budapest. En debato inter la Sciencaj Akademioj de Hungario kaj Ĉeĥoslovakio Esperanto estis la lingvo, kiun oni uzis por la oficiala korespondo. La demando estis tuŝita ĉe la Parlamento, de prelato Giesswein estro de la social-kristana partio, okaze de la lerneja reformo.

En *Ruslando* la popola komisario por Publika Instruado elektis en januaro 1919 komisionon komisiitan studi la demandon instruigi lingvon internacian en la lernejoj. La komisiono, ekzameninte Esperanton kaj Idon, esprimis sin favore al Esperanto kaj ties enkonduko en la lernejajn programojn. De tiam ŝajnas, ke la politikaj cirkonstancoj malfruigis la aplikon de la prenita decido. Oficialaj kursoj pri Esperanto okazas en Moskvo, Petrogrado kaj en pluraj urboj, sed estas malfacile esti precize informita pri tiu temo.

Antaŭ la milito la nombro de Esperantistoj estis konsiderinda en Ruslando. Oni taksis ĝin je 80.000. En Saratov la privata biblioteko de Esperantisto, kiu enhavas 4.000 volumojn estis naciigita; tri Ŝtataj oficistoj estas komisiitaj pri ĝia prizorgado.

Ruslingve aperis 32 lernolibroj kaj 10 vortaroj de Esperanto. Oni publikigis en tiu lingvo tradukojn el la majstroverkoj de Ĉeĥov, Garŝin, Gogol, Gorki, Krilov, Lermontov, Puŝkin, Tolstoj, Turgenev, kaj originalaĵojn de la poetoj Devjatin, Georgo Deŝkin kaj Romano Frenckell. En la Siberia Respubliko estas publikigata artrevuo en Esperanto.

En *Siberio*, laŭ propono de 28 deputitoj ĉe la Parlamento, de unu membro de la Registaro, de pluraj verkistoj kaj sciencistoj, kaj de la prezidanto de la Unuiĝo de Transbajkalaj Instruistoj, la Registaro de la Respubliko de Ekstrema Oriento decidis enkonduki la nedevigan instruadon de Esperanto en la lernejoj kaj adresis pri tiu temo cirkuleron datitan de 17 februaro 1922 al ĉiuj lokaj komisarioj de publika instruado kaj al la Centra Lerneja Administracio de la Ministerio de Transportoj.

*

Notinde estas ankoraŭ, ke en 1910 la Registaro de Samos enkondukis la instruadon de Esperanto en ĉiuj unuagradaj lernejoj de la insulo per dekreto de 20 novembro 1910, kaj ke la Senato de la Ŝtato Maryland, en Usono, enkondukis tiun branĉon en la lernejajn programojn. La saman jaron, ĉe la VIa Universala Kongreso de Esperanto en Washington, prezidita de S-ro John Barett, direktoro de la internacia Oficejo de la Amerikaj Respublikoj, la Registaroj de Brazilo, Ekvatoro, Usono, Gvatemala, Ĉinio, Hispanio, Honduras, Kostariko, Meksiko, Persio, Rusio kaj Urugvajo sendis oficialajn delegitojn.

Depost 1918 la Komerca Ĉambro de New-York instruigas Esperanton en siaj kursoj.

* * *

III.

**La rezultatoj de la instruado**

La ĝenerala Sekretariaro ricevis de diversaj Ministerioj de Publika Instruado tre interesajn raportojn pri la rezultatoj akiritaj per la instruado de Esperanto en la lernejoj. Grava memorandumo estis liverita de la Brita Ministerio, kiu respondis al la demandaro sendante du raportojn preparitajn speciale kaj sendepende unu de alia de du reĝaj inspektoroj laŭ peto de la Ministerio. Ĉar estas malfacile doni precizan sencon per nuraj citaĵoj, tiuj dokumentoj estas presigitaj entute kiel aldono al ĉi tiu raporto. Atenta legado estas instruriĉa.

La raportoj, kiujn ni ricevis de aliaj Ministerioj de Publika Instruado konfirmas kaj akcentas la plimulton de tiuj observoj. Pluraj insistas pri la granda morala influo aganta sur la infanoj per la korespondado kun lernantoj el aliaj landoj, kaj per uzado de Esperanto, kiu disvolvas ĉe ili la intereson al fremdaj popoloj, la guston al geografio kaj historio, ofte eĉ spiriton de internacia servemo kaj de homara kunlaborado, kies kortuŝajn ekzemplojn oni komunikis al ni aliflanke. Multaj instruistoj uzas la Esperantan lecionon por amigi de la infanoj la Ligon de Nacioj kaj ĝian grandan idealon de univers laj paco kaj kunlaborado.

Je la Internacia Konferenco de Spertu'oj, kiu kunvenis ĉe la Sekretariejo, la reprezetantoj de la lernejaj Skotaj kaj Italaj aŭtoritatoj rimarkigis, ke la grandega plimulto de la malriĉaj infanoj ne povis esperi, ke ili studos fremdajn lingvojn, kaj ke por ili kaŭzo de ĝojo kaj fiereco estis povi skribi kaj paroli almenaŭ Esperanton, kiu malfermas al ili novajn horizontojn sur la mondo. En la unuagradaj lernejoj de Milano oni legigas de la infanoj antologiojn da fabloj kaj legendoj apartenantaj al diversaj popoloj. En Ĉeĥoslovakio la lernantoj interŝanĝas kun siaj malproksimaj kamaradoj desegnaĵojn, poŝtmarkojn, priskribojn, geografiajn kartojn. Ili klarigas al si reciproke la ortografion de siaj lingvoj gepatraj.

La Orientaj Delegitoj rimarkigis, ke Esperanto prezentas por la lernantoj de iliaj landoj simpligitan tipon de al Eŭropaj lingvoj, kiu servis al ili poste kiel ŝlosilo por kompreni la aliajn. En la daŭro de du jaroj juna Ĉino lernas Esperanton, dum estas al li necesaj 6 por lerni la lingvon anglan kaj ankoraŭ pli por studi la lingvon francan. Studentoj senditaj a la Franca-Ĉina Instituto en Lyon kun Esperanto kiel nura lingva kono, sukcesis eklerni tre rapide la francan lingvon.

La ĝenerala opinio estis ke avantaĝe estas instruigi Esperanton en la lastaj jaroj de la unuagrada lernejo kiel unuan fremdan lingvon. Tiele la lernantoj, kiuj ne povas daŭrigi sian studadon, estas almenaŭ posedantoj de dua lingvo, kiu povos utili al ili praktike. Rilate tiujn, kiuj havas la rimedojn transiri en la duagradajn lernejojn, tiu studado ebligos mezuri ilian kapab'econ por lingvoj: tiuj, kiuj havas ĝin povos iri pluen kun la spirito pli bone preparita, tiuj, kiuj ĝin ne havas povos sin fordoni al aliaj studoj pli konformaj je la naturo de iliaj kapabloj. En ambaŭ okazoj oni estos gajninta tempon. Tiaj estas la konkludoj, kiujn trafis la internacia teknika konferenco de la lernejaj aŭtoritatoj.

Rilate la plenaĝulojn, la ministeriaj raportoj, kiujn ni ricevis konstatas ke en la landoj slavaj, germanaj kaj latinaj la publikaj kursoj pri Esperanto konsistas ĝenerale el 20 aŭ 30 lecionoj, en la landoj ekstremorientaj el 50 aŭ 60. En Germanio kaj Hispanio, kie ekzistas multaj kursoj sindikataj, oni konstatas, ke manlaboristoj konantaj nur sian lingvon gepatran sukcesas paroli Esperanton je fino de unu vintro da laborado kun 2 studvesperoj ĉiusemajne. Ĉio rilatas kompreneble la gradon da diligenteco kaj inteligenteco de la lernanto. Multaj Esperantistoj malprave trograndigas la facilecon de sia lingvo. Sufiĉas por esprimi la veron konstati, ke ĝi estas ok aŭ dek fojojn pli facila, ol iu ajn alia lingvo fremda, kaj ke oni sukcesas paroli ĝin perfekte, ne bezonante iri en la eksterlandon. Tio estas jam rezultato tre ŝatinda.

* * *

IV.

## La praktika uzado de Esperanto

Laŭ la nekompletaj statistikoj, kiujn ni povis starigi, venditaj estis en la tuta mondo ĉirkaŭ kvar milionoj da Esperantaj lernolibroj, kaj konjekteble proksimume sepcent mil personoj maturaĝaj sekvis la kursojn. Kalkulante la infanojn, kiuj lernas Esperanton en la lernejo, tiu nombro kredeble grandiĝis per ĉirkaŭ cent mil en 1922, kaj estas supozeble, ke tiu nombro pli kaj pli kreskados ĉiujare.

Aliflanke, la milito kaj la ĝenerala mortnombro supozeble malgrandigis ĉirkaŭe per duono la Esperantistajn arojn de antaŭ 1914. Sekve, sufiĉe malfacile estas starigi nombron eĉ proksimuman de la Esperanta publiko. Kredeble estas, ke el cent personoj, kiuj lernis la lingvon, eĉ ne duona dekduo aliĝis je propagandaj societoj. Same la sumo de la fremduloj, kiuj estas anoj de anglaj aŭ francaj rondoj en aliaj landoj, ankaŭ ne estas tre alta. En multaj urboj ĝi estas eĉ tre malsupera je tiu de la Esperantistoj de la loka societo, kiu kalkulas ofte 150—200 aktivajn membrojn.

En preskaŭ ĉiuj urboj de la mondo ekzistas personoj, kiuj scias Esperanton. Komercisto en malgranda urbo sveda, kiu ricevas el Brazilo aŭ Japanio leteron en Esperanto estas pli certa, ke li sukcesos tradukigi ĝin en sia loĝloko, ol se ĝi estus skribita portugale aŭ japane.

La praktika uzado de Esperanto estas faciligata per la rimarkinda funkciado de Universala Esperanto-Asocio, kiu etendas siajn servojn, kiel lertan araneaĵon sur la kvin partoj de la mondo. Tiu organizaĵo posedas delegitojn en milo da urboj en 39 landoj. Ĝi ĉiujare publikigas jarlibron kun la alfabeta listo de la urboj kaj adresoj de la reprezentantoj. Tiuj ĉi lastaj, kiuj ludas proksimume la rolon de Esperantistaj konsuloj, respondas al la informpetoj, servas kiel perantoj por klopodoj, akceptas la vojaĝantojn ĉe la stacidomo, aŭ gvidas ilin tra siaj loĝlokoj.

La delegito de malgranda urbo ekzemple ricevis en unu monato 42 korespondaĵojn en Esperanto el 26 landoj. Li plenumis 22 komercajn servojn. Li respondis al 3 turistaj informpetoj, al 2 pri hoteloj, al 4 pri la vivkostoj, al 5 pri lernejoj aŭ pensionoj, al 2 pri malaperintaj internigitoj, al 3 pri leĝoj aŭ voĉdonoj, al 7 pri demandoj de laboro aŭ salajro. Li akceptis 18 personojn ĉe la stacidomo, kaj gvidigis 12 tra la urbo. Ano de U. E. A. povas, kun sia jarlibro en la mano, informiĝi pri ĉiuj landoj, ligi rilatojn ĉie per korespondado. Se vojaĝante, en kia ajn urbo, li turnas sin al la delegito de U. E. A., tiu ĉi povas rilatigi lin kun Esperantistoj el diversaj medioj, sen la neceso, ke la tuta urbo parolu en tiu lingvo. Oni citis al ni plurajn kazojn de paroladistoj, kiuj faris rondvojaĝon per Esperanto, kaj kiuj kunigis en multaj urboj aŭdantarojn da 100 ĝis 2.000 personoj.

Estas memkompreneble, ke se Esperanto estus instruata en ĉiuj lernejoj, oni estus komprenata kie ajn de la tuta loĝantaro, dum hodiaŭ la publiko, kiu ĝin uzas, estas ankoraŭ tre malgranda. Sed rekoninde estas, ke eĉ nuntempe ĝi povas plenumi utilajn tujajn servojn, dank'al sia praktika organizo kaj al la fakto, ke ĝi estas disvastigita en preskaŭ ĉiuj landoj de la mondo.

Cirkulero aŭ broŝuro presata en Esperanto povas esti disdonita tra la tuta mondo kun kostoj tre malgrandaj, antaŭ ol oni eĉ penis tradukigi ĝin en dudek aŭ tridek lingvoj, kaj antaŭ ol oni trovis agentojn por ĝin disdonadi. Preskaŭ ĉiuj internaciaj foiroj uzas Esperanton por sia reklamo eksterlanda, kaj trovas profiton, presante en tiu lingvo siajn prospektojn. Tiel faras la foiroj de Paris, Lyon, Leipzig, Frankfurt, Basel, Padova, Lisboa, Bratislava, Bordeaux, Breslau, Barcelona, Malmö, Praha, Wien, Reichenberg, Helsinki, kiuj ankaŭ uzas Esperanton por sia korespondado. Sep el ili starigis eĉ specialan fakon.

La Internacia Laboroficejo aranĝis en 1921 malgrandan eksperimenton. Ĝi publikigis en Esperanto 5 dokumentojn pri sia agado kaj organizo, kaj ĝi disdonigis ilin pere de la delegitoj de U. E. A. Kiel rezulto, poste aperis 219 artikoloj pri la I. L. en la ĉiutagaj gazetoj de 21 diversaj lingvoj, kies eltranĉojn kolektis la I. L. De tiam la I. L. respondas en Esperanto al la leteroj kiuj alvenas al ĝi en tiu lingvo. Ĝi estis kuraĝigita en tiu iniciato per la akcepto de deziro prezentata ĉe la IIIa Internacia Laborkonferenco de S-roj Justin Godart, delegito de Francio kaj Matsumoto, delegito de Japanio. La Brazila Registaro publikigis en Esperanto dokumentojn pri la Centjara Festo kaj pri sia ekspozicio. Ni havis sub la okuloj Esperantajn katalogojn de firmoj ĉiuspecaj kaj el ĉiuj landoj. Esperanto jam turnis al si la atenton de la Komercaj Ĉambroj, ĉar tiuj de Parizo, Beauvais, Béziers, Calais, Grenoble, Le Creusot, Lyon, Limoges, Mâcon, Moulins, Saumur, St. Omer, Le Tréport, Tulle kaj Tarare (Francio), Lausanne kaj Locarno (Svisio), London, Barth, Barnley, Plymouth (Anglio), Dresden, Königsberg, Leipzig, Nürnberg, Potsdam (Germanio), Krakovo (Pollando), Cluj (Rumanio), Olomouc kaj Reichenberg (Ĉeĥoslovakio), Barcelono kaj Huesca (Hispanio), Budapest (Hungario), Sofia (Bulgario), Torino (Italio), Tokio kaj Jokohama (Japanio), Los Angelos, New York kaj Washington (Usono), Rio de Janeiro (Brazilo) same kiel la Franca Komerca Ĉambro en London, la Franca Komitato de la Internacia Komerca Ĉambro, la Brazila Komerca Asocio, kaj la Kongreso de anglaj Komercaj vojaĝistoj en Aŭstralio esprimis decidojn favorajn al Esperanto.

Specialaj asocioj por la divastigo de Esperanto en la komerco ekzistas en Argentino, Aŭstralio, Aŭstrio, Belgio, Finnlando, Francio, Germanio, Britlando, Hungario, Japanio, Usono, Portugalio, Svedlando kaj Svislando. Internacia revuo en Esperanto: „Komerca Revuo“ estas publikigata en Zurich.

Je la turisma vidpunkto, aperis en Esperanto gvidlibroj de preskaŭ ĉiuj ĉefaj urboj de la mondo kaj ilustritaj libroj pri Touraine, Bosnio-Herzegovino, Alĝerio, Oberland, Skotlando, ktp. Oni konas la gravan rolon luditan de la franca Turing-Klubo por enkonduki Esperanton en tiu lando. La 4an oktobro 1921 la Ĉeĥoslovaka Turing-Klubo alprenis ĝin por sia propagando fremdlanda. La Finnlanda faris la samon, kaj la direkcio de la fervojoj de tiu lando alprenis Esperanton en la hortabelojn. En Ĉeĥoslovakio, cirkulero de la direkcio difinas certajn salajravantaĝojn al la oficistoj kiuj parolas tiun lingvon.

La internaciaj organizaĵoj kaj oficejoj havas tute apartan

intereson en tio ke lingvo helpa disvastiĝas. Sekve, Esperanto estis alprenita aŭ rekomendita de pluraj el ili[1]).

Por pluraj el tiuj oficejoj la uzado de Esperanto estas ankoraŭ novaĵo ne tre ofta, sed internaciaj organizaĵoj ekzistas, kiuj estas kontraŭe tute bazitaj sur Esperanto, kaj publikigas sian revuon, bultenon aŭ siajn komunikojn nur en tiu lingvo. Estas la Esperantistaj Internaciaj Asocioj de Scienculoj, Verkistoj, Literaturistoj, Instruistoj, Juristoj, Kuracistoj, Farmaciistoj, Inĝenieroj, Fervojistoj, Publikadministraj Oficistoj, Poŝtistoj, Policistoj, Internaciemaj Laboristoj, Katolikoj, Liberpensuloj, Ekleziuloj, Skoltoj, ktp. La ĝeneralaj Kunvenoj de tiuj societoj disvolvis la parolan uzadon de Esperanto por teknikaj diskutoj; notinde estas pri tiu temo ke ĉe la internacia Universitato de Bruselo, oni faras konferencojn en Esperanto. En 1920 tiuj de profesoro Vanverts el la Lille'a Universitato pri „La kuracado de kankro" kaj de D-ro Corret pri „Radiotelegrafio" kunigis multenombran aŭdantaron.

Strange estas konstati ke depost 1905 Esperanto ŝajne estas lingvo preskaŭ pli parolata ol skribata. Krom la grandaj Universalaj Kongresoj de Esperanto, kiuj kunvenis kun mil aŭ du mil partoprenantoj en Boulogne, en Genève, en Cambridge, en Dresden, en Barcelona, en Washington, en Antwerpen, en Krakow, en Bern, en Haag, en Praha kaj Helsinki, ĉiujare okazas tuta serio da internaciaj aŭ regionaj kunigoj ofte ankaŭ tre multenombraj, kie Esperanto estas la sole uzata lingvo. Ĉe la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj ni havis sub la okuloj la ekzemplon de la Internacia Konferenco de lernejaj aŭtoritatoj, kies diskutoj okazis en Esperanto. Oni devas konfesi, ke frapanta estas la facileco kaj rapideco, kun kiu la delegitoj sin esprimas kaj interkomprenas. Anstataŭ esti senĉese interrompata per tradukoj, la diskutado sin sekvas kun rimarkinda flueco. Oni aŭdis ĝis 32 oratorojn en unu kunsido, kaj oni plenumis en tri tagoj sumon da laboro, kiu estus postulinta dekon da tagoj de ordinara konferenco kun pluraj oficialaj lingvoj. Sendube, oni rekonas iafoje laŭ ilia akcento la naciecojn de iuj delegitoj, sed tio ne estas la okazo por la plimulto el ili. La elparolado de Esperanto, kiel tiu de la lingvo itala, ŝajnas esti multe pli unuforma kaj facila por la diversaj buŝoj, ol tiu de la lingvoj angla kaj franca, ekzemple. Enirante la ĉambregon neavertite, oni kredus aŭdi diskuton en lingvo portugala aŭ rumana.

Kio impresas precipe estas la karaktero de unuanimeco kaj egaleco, kiun donas al tia kunsido la uzado de lingvo komuna, kiu starigas ĉiun sur la sama nivelo, kaj ebligas al la delegito de Pekino aŭ Hago esprimi sin kun tiom da forto, kiel liaj kolegoj el Parizo aŭ Londono. Ekzistas oratoroj, elokventaj en Esperanto.

Tiu abunda kutimo de la parolata lingvo efikis havi influon sur la skribitan Esperanton, kaj fleksebligi ĝin iom post iom. Celo de lingvo internacia estas evidente ne literaturo, sed estas dezirinde, ke bongustuloj povu tamen uzi ĝin kun eleganteco kaj fleksebleco. Estas interese observi, ke oni tradukis en Esperanto multajn slavajn verkojn malmulte atingeblajn en la lingvo originala de la ĝenerala monda publiko.

La Biblioteko de la Esperantista Centra Oficejo en Parizo enhavas 4 000 volumojn, tiu de Universala Esperanto-Asocio en Ĝenevo 3.200. Depost 1920 aperas mezkvante po unu nova libro en Esperanto ĉiujn du tagojn, pri temoj diversaj, scienco, religio, literaturo, ktp.

Rilate la lernolibrojn kaj vortarojn, ili ekzistas en lingvoj angla, araba, armena, ĉeĥa, bulgara, dana, estona, finna, franca, germana, greka, kimra, hebrea, hispana, nederlanda, hungara, islanda, itala, japana, kvartvela, kataluna, ĉina, kroata, latina, letona, litva, pola, portugala, rumana, rusa, rutena kaj ukrajna, serba, slovaka, slovena, sveda, turka kaj visaja (Filipinaj insuloj).

Teknikaj vortaroj estis publikigitaj por anatomio, ĥemio, matematikaj sciencoj, muziko, fotografado, farmacio, filatelio, ornitologio, same kiel enciklopedio kaj ĝenerala teknika kaj teknologia vortaro.

La Esperanta gazetaro kalkulas centon da revuoj, da periodaĵoj, monataj, duonmonataj, aŭ ĉiusemajnaj, dediĉitaj ĉu al temoj specialaj, ĉu al la ĝeneralaj interesoj de Esperanto, ĉu por konigi fremdlande la riĉaĵojn kaj la nacian pensadon de tia aŭ alia lando. Speciala revuo por blinduloj estas publikigata en Braille'a reliefskribo, kaj ŝajnas esti eĉ la plej vastigita el ĉiuj reliefgazetoj de la mondo, ĉar ĝi penetras en ĉiujn landojn.[1])

La plimultaj Esperantaj gazetoj publikigas paĝojn da anoncoj, kiuj elmontras certan komercan movadon kaj ĉiaspecajn interŝanĝojn per tiu lingvo. Estas tie tuta malgranda mondo, kiu vivas, laboras, korespondas, vojaĝas kaj uzas kun sukceso internacian neŭtralan lingvon. Necesis preskaŭ duon-centjaro por krei tiun vivantan bazon.

La potenco de lingvo estas granda forto, kaj la Ligo de Nacioj havas gravajn kaŭzojn sekvi kun tute aparta intereso la progreson de la Esperantista movado, kiu povus eble iam prezenti gravajn konsekvencojn je la vidpunkto de la morala unueco de la mondo, se ĝia disvastiĝo ĝeneraliĝos.

* * *

## Aldonoj

**Al tiu oficiala raporto de la Ligo de Nacioj estas aldonitaj la jenaj dokumentoj:**

1. *Decido de la komisiono Va* rekomendanta, ke la Ligo petu la opinion de la Komitato de scienculoj por Intelekta Kunlaborado

2. *Raporto de la Pariza Komerca Ĉambro pri mondlingvo*

3. *Memorandumo de la Brita Ministerio por Publika Instruado kun du raportoj de reĝaj inspektoroj.*

Tiu raporto konstatas ke Esperanto estis enkondukita kiel, deviga-branĉo en certaj unuagradaj lernejoj jam de 1916 laŭ eksperimento, kaj ke la lernantoj trovas grandan plezuron je tiu instruado. Ne estis necese dungi specialan instruistaron, ĉar la klasestroj prenis sur sin la aranĝon de la lecionoj:

„Kiel rimedo plibonigi la uzadon de la lingvo gepatra en la unuagrada lernejo, konstatas la raporto, Esperanto

[1]) La tutmonda Unuiĝo de Internaciaj Asocioj, la Internacia Komitato de la Ruĝa-Kruco, la Internacia Farmacia Federacio, la Universala Ligo de Kristanaj Unuigoj de Junaj Viroj, la Universala Ligo por la virina Voĉdonrajto, la Internacia bibliografia Instituto, la Internacia Federacio de Ĉapelistaj Laboristoj, la Universala Ligo de Diamantistaj Laboristoj, la internacia Ordeno de neŭtralaj Bontemplanoj, la internacia Katolika Ligo, la internacia katolika Junularo, la internacia Oficejo de la framasonaj Interrilatoj, la internacia Oficejo de la Paco, la Internacia Ligo de la Blanka-Kruco por la Paco, la Tutmonda Unuiĝo de la virina, la Internacia Ligo por la Defendo de la Rajtoj de la Popoloj. Krome, la sekvantaj organizaĵoj akceptas ĝin en sia korespondado aŭ siaj kunvenoj: Internacia Oficejo por la Defendo de koloniaj Enlanduloj, la internacia Oficejo de la navaj Lernejoj, Internacia Oficejo de Spiritismo, internacia Asocio de Mekanoterapeŭtaj Kuracistoj, Internacio de la Poŝtistoj, Telegrafistoj kaj Telefonistoj, internacia Kongreso pri Morala Edukado, Internacia Universitato, Internacia Popola Lernejo, Internacia Ligo de la Virinoj por la Paco kaj Libereco, Internacia Peranta Instituto. Ni jam citis la Internacian Laboroficejon.

[1]) Ekzistas nombro relative limigita de blinduloj en ĉiu nacio, kaj la punktoskribaj publikigaĵoj, tre volumaj, kostas kare por la presado. La blinduloj de landoj malgrandaj sekve havas malmulte da legaĵoj kaj malmulte da rimedoj por lerni fremdajn lingvojn. Oni instruas al ili Esperanton en aziloj de preskaŭ ĉiuj landoj, kaj ili grupigas siajn fortojn por havi gazeton kaj bibliotekon komunan en Esperanto. Ili ankaŭ korespondas de lando al alia, kaj aranĝas eĉ kongresojn en Esperanto. La Ĝenerala Subsekretario de la Ligo de Nacioj ĉeestis internacian kunvenon de blinduloj en Praha, kaj pluraj diris al li la ĝojon, kiun ili havas per tio, ke ili povas malfermi al si horizonton universalan per la uzado de Esperanto.

meritas seriozan konsideron . . . La instruistoj observas, ke tiuj infanoj parolas pli bone, skribas pli bone kaj estas pli kapablaj sekvi la komplikan analizon de la angla gramatiko. La inspektoroj, kiuj vizitis la lernejojn, konfirmas tiun konstaton.

Oni povas diri la samon pri latino kaj la aliaj lingvoj je gradoj malsamaj. Ju pli lingvo estas preciza, des pli granda estas ĝia valoro por tiuj, kiuj uzas lingvon neprecizan.

La precizeco en la esprimado kunpostulas ekzaktan konon de la aparta vorto. Lernante Esperanton, infano renkontas grandan nombron da radikoj, el kiuj ni retrovas plimulton en lingvo angla, kaj li vidas, kiel oni povas formi novajn vortojn per tiuj radikoj. Tiamaniere li grandigas kredeble kaj bonigas certe sian vorttrezoron, kaj komencas akiri la intelektan sencon de la vortoj.

Fine Esperanto estas vivigita gramatiko. Ekzistas en ĝi malmultaj reguloj, kaj tiuj reguloj estas senesceptaj. Ĉiuj nomoj finiĝas per *o*, adjektivoj per *a*, kaj ĉiu verba tempo havas sian apartan finiĝon. La analizo de lingvo tia similas la „klasigadon per koloroj", kiu tiom plaĉas al la junaj infanoj kaj ĝia studo povas vere helpi en la direktado de la esploristo tra la sablaj malprofundaĵoj kaj la moviĝantaj grundoj de la angla gramatiko.

Oni eĉ argumentis ke estus inde lerni Esperantom kiel lingvon mortintan, nur kiel rimedon por lerni la gramatikon, sed tio estus senigi ĝin je tio, kio faras ĝian plej grandan logon por la infanoj, t. e. la facileco kun kiu oni sukcesas ĝin paroli . . . .

Esperanto montriĝis utila por la akiro de fremdaj lingvoj. Ĝi estas facile lernebla kaj konsekvence la lernanto atingas sufiĉe rapide la momenton, kiam li povas profiti de siaj konoj, t. e. la momento kiam la studo fariĝas interesa. Tute alie okazas kun fremdaj lingvoj naturaj. La unua, kiun oni lernas estas ĉiam la plej malfacila, ĉar ĉiu faciligas la studon de la sekvanta. Tiel la sperto montris, ke Esperanto estas rekta helpo al la studo de fremdaj lingvoj, precipe por la personoj kiuj ne havas specialajn kapablojn por lingvoj.

Laŭ la lerneja vidpunkto, la plej bona maniero konsideri Esperanton ne baziĝas sur ĝia senpera utileco, kiu restas ankoraŭ limigita ĝis la plimulto de la homoj estos ĝin lernintaj, sed sur ĝia karaktero de ĝenerala tipo de lingvo, t. e. de „ĝeneraligitaj gramatiko kaj vortaro."

La raportoj de la Britaj inspektoroj konstatas, ke Esperanto povas esti lernata en kelkaj semajnoj de klera maturaĝulo, kiu konas plurajn lingvojn, sed per unu kaj duono da horo ĉiusemajne dum du jaroj la lernantoj 12 ĝis 14 jaraj sukcesas uzi Esperanton senerare, kaj povas paroli ĝin flue. Post kelkaj monatoj da studado la lernantoj korespondas kun infanoj de aliaj landoj.

„Esperanto, diras la raporto, ne sukcesas penetrigi ilin tiom intime en la vivon kaj pensadon de la aliaj popoloj kiom ĉiu el ties propraj lingvoj, sed ĝi estas rimedo kulturi amikecojn en multaj landoj. La infanoj de unuagrada lernejo en Worcester korespondas kun 27 landoj. Estas vere ke tiu korespondado konsistas precipe el interŝanĝado de personaj detaloj kaj de ilustritaj poŝtkartoj, sed ĝi kunhelpas doni novan intereson al la lecionoj pri geografio.

Resume ŝajnas ke Esperanto havas nun nur tre relativan komercan utilecon, sed ke ĝi havas kulturan valoron sufiĉe konsiderindan, el kiu oni ankoraŭ ne eltiris la tutan eblan servopovon kaj ke ĝi prezentas rimedon tre gravan por plibonigi la studon de la lingvo gepatra.

Ŝajnas ekzisti gravaj kaŭzoj por permesi la daŭrigon de la komencitaj eksperimentoj kaj eĉ kuraĝigi aliajn en la grandaj urboj, kaj pli speciale en la gravaj marhavenoj."

4. *Konkludoj kaj deziresprimoj de la Ĝeneva Konferenco pri Esperanto en lernejoj.* (Vidu Esperanto, Majo 1922.)

Genève, 21 septembro 1922. Trad. *William Perrenoud.*

# Esperanta alfabeto kaj orientaj lingvoj

En unu el numeroj de oficiala gazeto de Rusa Registaro („Sciigoj") estas presita interesa artikolo de Mamed Ŝaĥaĥtinski pri la nove proponata alfabeto por la plej gravaj orientaj lingvoj.

Ĉiuj mohamedanaj popoloj, diras la aŭtoro, eĉ ne-araboj, estas devigataj legi la sanktan koran'on en araba originalo. Do, ĉiuj mohamedanoj, sendepende de ilia nacieco, devas lerni la araban lingvon. Tamen, la alfabeto de la lasta estas tiom malperfekta kaj malfacila, ke la progresemaj adeptoj de Mohamed venis al konvinko, ke oni ne povas uzi ĝin. La alfabeto konsistas ekskluzive el konsonantoj; vokaloj tute forestas kaj anstataŭ ili oni uzas iafoje (ne ĉiam) la samajn konsonantojn. Plie, la konsonantoj havas diversajn formojn, depende de tio, kie ili staras kaj apud kiu litero ili troviĝas. Krom tio, la literoj ne ĉiam havas originalan eksteraĵon kaj plejparte diferenciĝas unu de la alia nur per sia grandeco aŭ per kelkaj superfluaj punktoj . . . Por eviti tiujn ĉi malfacilaĵojn diversaj reformuloj jam delonge proponis enkonduki kelkajn plibonigojn en la araban alfabeton. Tiel, ekzemple, Fetali Aĥundov, nune mortinta, fondinto de drama literaturo en Azerbejĝano (Kaŭkazo), ellaboris kelkajn plibonigojn en la araba alfabeto kaj proponis sian projekton al la persa kaj turka registaroj. Post tio la persa diplomato kaj literaturisto Mirza Melkumĥan siaflanke penis enkonduki reformojn kaj eĉ eldonis en sia reformita alfabeto la verkon „Gulstan" („Florbedo") de konata persa klasika literaturisto Saadi. Fine, la konata turko Enver-paŝa sukcesis en la komenco de l'Eŭropa milito enkonduki en turkajn militajn instituciojn sian propran plibonigitan sistemon. Tamen la nomitaj „plibonigoj" tute ne havis ian realan signifon, ĉar ili ĉiuj estis tro specifikaj kaj ne eliris el la limoj de malvasta nacia kaj religia horizonto. Efektive, anstataŭ konstrui ponton, kiu kunigus la mohamedan mondon kun la cetera civilizita homaro, ili nur anstataŭigis unu „ĥinan muron", per alia.

Tamen, kion fari? — demandas la aŭtoro. Jen lia respondo: „Oni devas anstataŭigi la araban alfabeton per la latina, ĉar ĝi estas la alfabeto de la tuta mondo. Per helpo de latina alfabeto la lingvistoj sukcesis ja ilustri plej diversajn sonojn de *ĉiuj* lingvoj de la mondo, komencante de plej perfektaj kaj finante per plej primitivaj . . ." Do, la latina alfabeto devas samtempe fariĝi la araba . . . sian konkludon la aŭtoro bazas sur sekvantaj argumentoj. La anstataŭigo de araba alfabeto per la latina absolute ne povas kaŭzi ian kontraŭstaron pro religiaj motivoj. Efektive, kiam antaŭ proksimume 20 jaroj la trans-kaŭkazaj pilgrimuloj skribe turnis sin al Mirza Ŝirazi, kiu tiutempe estis la religia ĉefo de ĉiuj „ŝiitoj" (granda mohamedana sekto, kiu kredas, ke la bofilo de la profeto Mohamedo estis lia vera anstataŭanto), kun la demando, ĉu la „ŝariat" (Mohameda kodekso) permesas skribi koran' on per latinaj literoj, la ĉefo respondis skribe: „Se la uzado de latinaj literoj plifaciligas la legadon de korano, tiam ĝi estos ne nur ago permesata de „ŝariat", sed ĝi estos eĉ merito antaŭ Islam". Plue, la aŭtoro memorigas la fakton, ke antaŭ 20 jaroj la araba alfabeto estis jam anstataŭigita per la latina en Albanujo, kiam la lasta fariĝis sendependa de Turkujo. Fine, antaŭ kelkaj semajnoj la sama decido estis voĉdonita kaj akceptita en novaj respublikoj, nome en Azerbejĝano (Kaŭkazo) kaj Angoro (Malgranda Azio).

Kaj nun venas la plej interesa loko de la citata artikolo. La aŭtoro komunikas, ke li sukcesis adapti la latinan alfabeton al sia nacia lingvo azerbejĝana-turka idiomo kaj al lingvoj, kiuj estas parencaj al ĝi t. e. osmana, persa kaj araba. Tamen, penante kiel eble plej precize esprimi la specifikajn sonojn de suprenomitaj lingvoj, li estis devigita akcepti ne la latinan prononcadon, sed tiun de . . . Esperanto, ĉar „la alfabeto de Esperanto, li diras, estas la plej racia el ĉiuj alfabetoj."

Jen kia neatendita kaj ĝojiga decido . . . Tamen, malgraŭ sia „racieco" la Esperanta alfabeto ankaŭ ne sufiĉis al la aŭtoro por esprimi ĉiujn nuancojn de orientaj lingvoj. Tial li pligrandigis la kvanton de Esperantaj literoj ĝis 45 (anstataŭ normala 27). Ne

pensu tamen, ke li *elpensis* novajn literojn. Ne, lia solvo estas vere orientsagaca en lia sistemo la rolon de mankantaj literoj ludas la samaj literoj, estante renversitaj per la kapo teren!

Bedaŭrinde, mi ne povas diri, kiajn praktikajn rezultatojn havos la laboro de Mamed Ŝaĥaĥtinski. Ĉiuokaze estas treege interese, ke la ekstera vestaĵo de nia lingvo, nome Esperanta Alfabeto, sukcese konkuris kun la ceteraj „naturaj" lingvoj. Finante sian artikolon, la aŭtoro diras: „Antaŭe oni bezonis kelkajn jarojn por lerni la araban alfabeton; nun ni bezonas ne pli ol unu monaton por havi la eblon legi arabe laŭ latina (Esperanta) alfabeto."

Ni esperu, ke la reformuloj ĝisfunde elĉerpu la ecojn de Esperantaj literoj kaj uzu ilin ne sole por ebligi la facilan legadon de kelkaj orientaj lingvoj: la lastaj ja tute egale restos nekompreneblaj por multaj malsamlingvaj mohamedanoj. Ili formu el Esperanta literaro ĝuste *tiujn* kombinaĵojn, el kiuj konsistas niaj vortaroj, kaj tiam ... la koran'o estos efektive komprenebla por ĉiuj samreligianoj kaj la ago de reformuloj ne sole estos „ago permesata de ŝariat", sed ilia peno transformiĝos en „merito antaŭ Islamo", kiel diris Mirza Ŝirazi.

Junio 1922. *R. Mencel (Moskvo).*

## Komisiono por la Scienca kaj teknika Vortaro

Vokabularioj pri metioj kaj profesioj

S-ro Rollet de l'Isle, ricevinta de S-ro Prezidanto de l' Akademio la taskon zorgi pri la teknikaj terminaroj, urĝe petas sindoneman helpon de ĉiuj, por kiuj estas ebla la kunlaborado pri farado de metiaj aŭ profesiaj vokabularioj. Ĉiu devas alporti ŝtoneton por la komuna konstruaĵo, tradukante kun kelkaj kolegoj la specialan terminaron de sia metio aŭ profesio. Utila cirkulero pri la labormetodo senpage sendata al ĉiu; sin turni al S-ro Rollet de l Isle, 3 l. rue du Sommerard, Paris, V. — Bonvolu represi.

## Enciklopedia Vortaro

Nia talenta kaj pacienca samideano Eugen Wüster preparis la ĝis nun plej plenan vortaron ekzistantan en Esperantujo. Li zorge kolektis la tutan vortotrezoron de la lingvo kun ĉiuj formoj uzitaj (radikoj, kunmet taĵoj, radikoj kun sufiksoj). Tiun kolosan laboron la firmo Ferdinand Hirt und Sohn, Leipzig, Salomonstrasse 15 intencas eldoni kun esperanta kaj germana klarigoj, se 500 mendantoj enskribiĝos. La unua kajero aperos en Januaro. Ni firme esperas, ke la necesa nombro troviĝos, ĉar la verko estas grava kaj necesa. Oni sendu mendon kun valoro de 3 usonaj dolaroj aŭ petu klarigan folieton de la eldonisto.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Jarlibro 1922** — Ĝi aperis dum julio; membroj pagintaj la kotizon kaj ne ricevintaj ĝin, anoncu tion al la Centra Oficejo.

**Kotizoj 1923** — Ni informas niajn Delegitojn kaj membrojn, ke la kotizoj por Belgio, Britlando, Danio, Francio, Hispanio, Italio, Nederlando, Norvegio, Svislando kaj Usono restas la samaj; tiuj de aliaj landoj estas fiksataj dum oktobro kaj konatigotaj en „Esperanto" kaj per „Oficiala Bulteno" aperanta komence de novembro.

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 42.**
*H. T. Bailey*, London.
(Originalo.)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 43.**
*F. Lindgren.*
(Tidskrift f. Sch. 1922.)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 44.**
*F. v. Wardener.*
(Offiz. Schachztg. 1906.)



Blanko matas per la 2-a movo

**Problemo N-ro 45.**
*W. B. Rice.*
(Good Comp. 1915.)



Blanko matas per la 2-a movo

**N-ro 42** estas blokadproblemo kun multobla matado per la D.
**N-ro 43** estas eleganta malgrandaĵo, karakterizata per sia ŝparemo pri la materialo.
**N-ro 44** kaj **45** profitigas la rimedon de la vojtrakurebligo (Bristola ideo de Healey). En la unua problemo la ideo aperas laŭfrunte sed ne pure, ĉar la vojiganta figuro estas samtempe uzata minacmaniere. La dua laŭdiagonala problemo prezentas la ideon en la senco de *„Blanko movas"*, ĉar unuavide ŝajnas esti favorigata Nigro per ĉiu blanka movo, kaj vere mankas la tielnomataj fortaj movoj al la B.

*Solvoj de la problemoj.*

**N-ro 40** 1. Dd3—f3, Te8—d8(g8), 2. Df3—d5 ktp.
1. . . . . , Te8—h8, 2. Df3—h5 „
1. . . . . , Te8—c8, 2. Df3—f5 „
1. . . . . , Ta5—a6, 2. Df3—e2 „
1. . . . . , Ta5—a4, 2. Df3—e4 „
1. . . . . , Ta5×a2, 2. Df3—f7 „
**N-ro 41** 1. Dc4—f1, Ka1—b2, 2. Df1—b1 ktp.
1. . . . . , h7—h6, 2. Df1—b1 „
1. . . . . , Ka1—c3(d4), 2. Df1—d3 „
1. . . . . , Ka1—e5(f6), 2. Df1—f5 „
1. . . . . , g4—g3, 2. Ĉf8—g6+ „

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj.*

N-ro 36, 37, 38, 39 H. Miles, London; H. T. Bailey, London; 36, 37, 41 Th. Rawlinson, Liverpool (Angl.); 36, 37 f-ino T. Forgon, De receno (Hung.); 36, 37, 38 H. Sentis, St. Jean de Maurienne; 37 S. Frantz, Paris; A. Carles, Béziers (Franc.); 36, 37, 39 R. Koerselman, Voorst (Nederl.); 36 F. Jahn, Godesberg (Germ.); 41 L. Loding, Talinn (Est.); 40, 41 A. Alksnits, Riga (Latv.).

*Diversaĵoj:* Solvi problemon 38 per 1. Th6 ne estas eble pro Dg2. — Koran dankon pri la simpatiklarigoj pri la programo de nia ŝakangulo. — S-ro H. T. B. en London, ĉimovulo neuzebla. —

# REKLAMO



## KORESPONDADO

*TARIFO:* Unu enskribo (la adreso kaj ne pli ol 5 vortoj): Fr. 0.75. — Por ĉiu plua linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50.

Unu enpreso en nacia mono: *Aŭstrio* 100 Kr.; *Belgio* 1.50 Fr.; *Britlando* 7½ d.; *Bulgario* 10 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 5 Kr.; *Finnlando* 4 F. M.; *Francio* 1.50 Fr.; *Germanio* 10 Mk.; *Hispanio* 1 P.; *Hungario* 30 Kr.; *Italio* 2 L.; *Jugoslavio* 10 Kr.; *Nederlando* 40 Cent; *Pollando* 100 M.; *Skandinavio* 1 Kr.; *Svislando* 0.75 Fr.; *Usono* 0.15 Cendoj. — Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni sendu tiajn. (Unu enskribo = 4 respondkuponoj.)

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* k. ĉ. l. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-ajo = *Esperantaĵo.*

---

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

### Aŭstrio

**Wien VI.** — S-ro Felix Märzendorfer, Gumpendorferstr. 39, PM, k. ĉ. l.

### Belgio

**Gent.** — S-ro Adolf van Wesemael, Heernixlaan 27, k. ĉ. l. (prefere Japanio kaj Ĉinio).

### Britio

**Doncaster.** — S-ro Oswald Clark, tanisto, Briarcliffe, L, PI pri ĉiaj temoj.
**Halifax.** — S-ro Gilbert Whiteley, 50, Clough Lane, Mixenden, PI, L, gaz., k. ĉ. l.

### Ĉeĥoslovakio

**Brno.** — S-ro F. Medek, Česká ul. 6. PM k. ĉ. l., PI kun ekstereŭropanoj.
**Lom-Most.** — S-ro Ladislav Krisl, instruisto, L, PI, esp-aĵoj, k. ĉ. l.
**Mähr.-Schönberg.** — F-ino Mizzi Rotter, Neugasse 46, PI.
**Mähr.-Schönberg.** — F-ino Berta Ardelt, Wallgasse 3, PI, L.
**Mähr.-Schönberg.** — S-ro Gustav Horaček, Wallgasse 3, PI.
**Mähr.-Schönberg.** — S-ro Viktor Tinz, Neutorgasse PI.
**Mähr.-Schönberg.** — S-ro Max Bittl, impostoficisto, PI, L.
**Nový Bydžov.** — S-ro Ant. Pražák, Husova 48, PM.
**Oderberg-Bahnhof.** — S-ro Hugo Böss, profesoro, Hahnstrasse, PI, L, PM.
**Poprad—Velka**, Slovakio, Ges-oj Eichmüller, Elizabetstr. 1., L. (pri naciaj manĝaĵoj kaj kuiraĵoj).
**Praha II.** — F-ino Anči Nývitová, bankoficistino, Sokolská 15, PM, PI L, k. ĉ l.
**Praha III.** — S-ro Jan Tauer, oficisto, Jánská 2, PI, PM, L, k. ĉ. l.
**Praha—Bubeneč 113.** — S-ro Kominek Rutoš, PM, PI, bfl, precipe kun ekstereŭropanoj.
**Praha-Žižkov.** — F-ino R. Králíková, Karlova 22, PM, PI, k. ĉ. l.
**Praha-Žižkov.** — S-ro Oldřich Souček, oficisto, Havlíčkova 29, PM, PI, k. ĉ. l.
**Praha-Žižkov.** — S-ro Oldřich Steiner, Závišova 14, PI, k. ĉ. l.
**Wiklitz bei Karbitz.** — S-ro A. Krajc, ĝardenisto, abelisto, L, PI, PM, k. ĉ. l.

### Estonio

**Haapsalu.** — S-ro Joh. Tamverk ne plu kolektas PI, PM.
**Narva.** — S-ro V. Lindemann, S. Aguli 54, PM, k. ĉ. l.

### Finnlando

**Helsinki.** — S-ro N. Aduschkevitsch, Museigat 11 A. 18, PM.
**Joensuu.** — F-ino Margaretha Lönn, PI, L, k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Taimi Terä, studentino, PI, L, k. ĉ. l.
**Joensuu.** — F-ino Terttu Terä. PI, L, k. ĉ. l.
**Kotka.** — S-ro Topu Kunsio, Itäkatu 12, L, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.
**Uusikaupunki.** — S-ro K. Walovuori, komercisto, PM.

### Francio

**Paris.** — S-ro F. Brienne, 10, rue de Belzunce, PI, PM, k. ĉ. l.

### Germanio

**Düsseldorf 106.** — S-ro Josef Paffenholz, PM, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Essen.** — S-ro Wilhelm Teickner, Planckstrasse 74, PI, L.
**Essen.** — S-ro Otto Wienert, Altendorferstr. 389, PI, L.
**Essen-Ruhr.** — S-ro Friedrich Streit, II., Weberstr. 5, PI, PM, L (ekonomiaj temoj k. ĉ. l. precipe Rusio).
**Freiberg, Sa.** — S-ro Rudolf Hegewald, Waisenhausstr., PI, L.
**Freiberg, Sa.** — S-ro Rudolf Einenkel, Restaurant „Drei Raben“, PI, L.
**Freiberg, Sa.** — S-ro Hans Ehrlich, Restaurant „Drei Raben“ PI, L.
**Frohburg i. Sa.** — S-ro T. Lötzsch, Amtsg. 248 H, aĉetas, interŝ. vendas PM.
**Glienicke bei Beeskow.** — S-ro O. Pfeiffer, instruisto, PI, PK, L, PM, k. ĉ. l.
**Leipzig-Li.** — S-ro W. Birth. Rinckartstr. 7/I., PM, kun Skand., Dan., Okc. Indio, Islando, Jugosl., Norda, Suda Am., Aŭstralio 50—100 pecoj unua sandaĵo. Donos germanajn PM.
**Plauen i. Vogtl.** — S-ro Richard Schätze, Postfach 25, nur PM.
**Plauen i. V.** — S-ro Arthur Steinbach, Wiesenstrasse 8, PI, bfl.
**Regensburg.** — S-ro Ew. H. Mühleisen, Stadtsparkasse, PI, bfl, L, esp-aĵoj, k. ĉ. l.
**Sebnitz in Sachsen.** — Esperantista Laborista Grupo, Kreuzstrasse 26, III, PI, PK, PM, gaz. kaj esp-aĵoj; L pri sociaj kaj seriozaj temoj.
**Taubenheim, Spree.** — S-ro W. Schubert, arĥitekto, PI, bfl, L, pri artmetio.
**Wurgwitz-Dresden.** — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.

### Hispanio

**Nerva (Huelva).** — S-ro Gaudencio Vazquez, pri esperanto movado, PI, PM, kun Polujo, Rumanujo, Rusujo, Serbujo, Bulgarujo, Svisujo, Turkujo, Svedujo, Norvegujo, ĉiuj landoj de Afriko, Ameriko, Azio kaj Oceanio.

### Hungario

**Budapest.** — S-ro Toth Imre, IX, Ecoeri ut. 7, PI, L, k. ĉ. l.
**Budapest.** — S-ro Paul Krausz, X, Martinovics-tér. 4 a, PI, k. ĉ. l., bfl.
**Budapest.** — S-ro Fenyes Zoltan, Dob-u. 5/II, PK, PM (rekomendite, sendu unue).
**Debreszen.** — S-ro Porcsin Jozsef, Kossuth u. 25, PI, L, PM, k. ĉ. l.
**Pecs.** — S-ro Ladislav Krausz, Kiraly ul. 38, PI, L, k. ĉ. l. (pri muziko).
**Szombathely.** — S-ro Béla Mujzer, Kiraly utca 8, PI, k. ĉ. l.

### Italio

**Genova.** — S-ro Luigi Soleri, via Amandorla 5/9, PM, (kun spertaj filatelistoj, liveras PM de Parma, Sicilia, Libia, Dante).
**Genova.** — S-ro Emilio Anfosso, via Montaldo 2/1, PI, bfl, k. ĉ. l.
**Genova.** — S-ro Pirro Soleri, via Casaregis 11, PM, kun spertaj filatelistoj.
**Genova.** — S-ro Ferrari Corrado, Oficiala Telegrafo, Centro, malnova filatelisto PM naciaj kaj internacia.
**Udine.** — S-ino Italia Tonini, Via Asilo M. Volpe 27, PI, bfl, PM, k. ĉ. l.

### Latvio

**Riga.** — S-ro Edgar Grot, Nikolaa eela 41, loĝ. 14, nacieco: latvo, la dua latva budhista monaĥo, L (nur kun ekstereŭropo) prefere kun budhistaj landoj pri budhismo.

### Nederlando

**Amsterdam.** — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PM, helpmono (malakceptas bagatelojn).

### Norvegio

**Trondhjem.** — S-ro Rangv. Rian, PM (escepte Ĉeĥoslovakio, Pollando), kun seriozaj kolektantoj. Ne sendas unue.

### Pollando

**Biala-Podlaska.** — S-ro J. Kiewszczynski, kuracisto, Brzeska ul. 30, PI, L.
**Bialystok.** — S-ro Efr. Margolis, Sobieskiego 16, papermono, PM, interŝ., vendas.
**Bialystok.** — S-ro A. Babkes, Prózna 3, papermono, PM, interŝanĝas, vendas.
**Bialystok.** — S-ro Stanislaw Kossakowski, Szopena 9, interŝanĝas PM.
**Bydgoszcz.** — S-ro Kazimierz Mieduniecki, teknikisto, ul. Sw. Trojcy 18, PI, PM, k. ĉ. l.
**Częstochowa.** — S-ro Zygmunt Kubisa, ul. II. Aleja 32, L, PI, bfl, k. ĉ. l.

### Rumanio

**Cluj.** — S-ro Samuelo Samuel, oficisto ĉe firmo „Foresta“, L, PI, k. ĉ. l., precipe kun ĉinaj kaj japanaj gesamideanoj.
**Odorhei** (Transilvanio). — S-ro D-ro Kolomano Vanki, dentkuracisto, Bulvardo Regele Ferdinand, L, PI, k. ĉ. l.
**Odorhei** (Transilvanio). — S-ro Otto Herman, komercisto, Bulv. Reg. Ferdinand 35, L, PI, k. ĉ. l.
**Odorhei** (Transilvanio). — S-ro Julio Szabó, tapetisto, Str. Bethlen 18, L, PI, PM, k. ĉ. l.

### Ruslando

**Astraĥan.** — S-ro Bazil Averin, 6 nĉ, 3 Bakalda, N. 30, k. ĉ. l., ĉiuj temoj, esp. gaz., sigelmarkoj, papermono. Kiu sendos 50—200 PM de sia lando ricevos saman kvanton rusaj.
**Astraĥan.** — S-ro G. Artemjev, Armjanskij most 111, k. ĉ. l., L, ĉiuteme, PM, PI, portretojn de gesamideanoj, esp. gaz., libroj, esp-aĵoj. Deziregas ricevi komercajn informojn, prospektojn, katalogojn pri komerca informejo. Interŝanĝadon preferas nur seriozan kaj pograndan. Unue ne sendas.
**Debria** (gub. Smolensk). — S-ro M. P. Tschetirkin, PM, PI, esp-aĵoj, violonmuzikaĵoj.
**Krementĉuk.** — S-ro V. Koltchinsky, Puŝkinskaja ul. 37, kv., 2. (gaz., esp-aĵoj).

**Moskva.** — S-ro Nikolaj Nikiforoviĉ Schaschkim, Preĉistenskij Praktiĉestij nstitut Ostoĵenna 38, PI, esp. gaz., k. ĉ. l., (L, gaz., libroj pri agrikulturo kaj natur-scienco).

**Petrograd.** — S-ino Anna Nikolaeva. artistino, Mitavskij per., dom 3, sendas PI kontraŭ modaj, vestaĵaj gazetoj.

**Petrograd.** — S-ro J. V. Kaĉalin, Mitavskij per., dom 3, sendos ion ajn kontraŭ plej novaj teatraĵoj, libroj kaj ĵurnaloj pri teatraj fakoj (esp., rus., fr., germ., angl.).

**Samara.** — S-ro T. Sidorin, Solovjinaja 83, kv. 5, PI, L, esp-aĵoj, gaz.

**Voroneĵ.** — S-ro A. Augustin, ul. Fridrich Engels 16-794, Hospitalo, PM, PI, gaz., esp. libroj, sendos ankaŭ papermonon.

### Svislando

**Lugano.** — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj k. t. p.).

### Afriko.

**Las Palmas.** — F-ino Francisca Rodriguez Martin, Viera y Clavijo 30, PI, PM, bfl. kaj artajn revuojn.

### Ameriko

**Balboa Heights** (Canal Zone, Panama). — S-ro E. A. Young, Box 214, L (pri agnostikismo, terkulturo, laktfarmado). Rifuzos PI PM, monerojn k. t. p.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro E. Vitienes, PI, esp.-aĵoj, revuoj, k. ĉ. l.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro P. Aguirre „Tienda Alonso", PI, PM, k. ĉ. l.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro S. Fiorentino, 9 julio 199, PI, PM, k. ĉ. l.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro Angel Goni, A. J. Murga 432, PI, PM, k. ĉ. l.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro R. Gold, PI, PM.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro M. Bolado, PI, PM, sportaj revuoj.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro Ramon Teruggi, PI, PM, k. ĉ. l.

**Necochea B. A.** (Argentino). — S-ro José Noseda, PI, PM, k. ĉ. l.

### Aŭstralio.

**Kaikohe** (Bay of Islands) New Zealand. — S-ro John Jerkoviĉ, P. O. Box 24 PI, k. ĉ. l.

### Azio

**Novo-Nikolaevsk** (Siberio). — S-ro Viktor Larjkov, Byskaja 52, PI, PM, papermono, gaz., esp-aĵoj, koresp. pri ĝardenurboj.

**Tiumen** (Siberio). — S-ro S. Kazmierĉak, Trusowska perenlok 6, PM, PI (precipe kun Svislando).

**Tokio** (Japanio). — S-ro Kenzi Odaka, oficisto, Tanaka-Kozan-Kaiŝa, 12, Kitakonjaĉo, Kjobaŝi, PI, PM, bfl, k. ĉ. l.

**Tokio** (Japanio). — S-ro Kjukiĉi Matanuki, studento, 58, Ŝimo Takanaŭa Ŝiba, PM, L, PI (nur kun eksterlandoj).

## JUNULA KORESPONDADO

Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.

**Wurgwitz-Dresden** (Germanujo). — S-ro Krumbiegel, instruisto kaj 40 infanoj (12—15 jaraj) PI, L, PM kun eksterlando.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

**Tarifo:** Unu linio (= 10 vortoj) Fr. 0.50. Antaŭa pago.

En nacia mono: *Aŭstrio* 100 Kr.; *Belgio* 1 Fr.; *Britio* 5 d.; *Bulgario* 8 Lev.; *Ĉeĥoslovakio* 4 Kr. ĉ.; *Finnlando* 3 F. M.; *Francio* 1 Fr.; *Germanio* 8 M.; *Hispanio* 0.75 P.; *Hungario* 20 Kr.; *Italio* 1.50 L.; *Jugoslavio* 4 Kr.; *Nederlando* 0.25 Fl.; *Polio* 100 M.; *Skandinavio* 0.75 Kr.; *Svisio* 0.50 Fr.; *Usono* 0.10 D. — (Kie la aĉeto de respondkuponoj estas ebla, oni pagu per ili: 1 respondkupono = 20 centimoj.)

**Adresŝanĝo.** — Inĝeniero Otello Nanni en Bardonecchia atentigas pri sia nova adreso: Elettrificazione F. S. Palazzo Camera di Commercio, Livorno, Italio.

**Al kolektantoj.** — Restas ankoraŭ kelkaj ekzempleroj de la arĝenta monero (Sm) kun portreto de Zamenhof, jubilea medalo de Esperanto. Tre valora por kolektantoj. Sendo kontraŭ 5 svisaj fr. aŭ sama valoro al F-ino Chenevard, Côte 46 a, Neuchâtel (Svislando).

**Ĉiulandajn geinstruistojn** mi petas pri alsendo de instruplanoj de la diversaj popolaj lernejoj. Rekompence mi sendos kion ajn. Adreso: Julie Šupichová, faka instruistino, Praha II.-2032, Ĉeĥoslovakio.

**Eldonistoj** k. t. p. estas afable petataj noti ke S-ro Huysman ne plu loĝas en Vlissingen kaj ne plu estas Delegito.

**Filatelisto,** kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébetkörut. 16.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi 50—200 diversajn poŝtmarkojn de via lando kaj mi sendos la saman kvanton de germanaj poŝtmarkoj. O. Pfeiffer, Glenicke bei Beeskow, Germanio.

**Filatelistoj.** — Mi serĉas poŝtmarkojn sur tuta koverto aŭ kartoj, PI, bfl. el ĉiuj landoj. Mi donos altvalorajn PM kaj PI interese afrankitajn. Paul Wagner, Taubenheim/Spree, Germanio, Saksio, 138b.

**Filatelistoj.** — Ĉiu, kiu sendas 100—200 diversajn poŝtmarkojn samlandajn, ricevos samvalorajn ankaŭ malnovajn aŭstriajn poŝtmarkojn (ĉeĥoslovakaj, hungaraj rifuzataj, ekstereŭropaj precipe dezirataj). Jos. Hollmer, Wien IX., Zimmermanng. 15, Aŭstrio.

**Filatelistoj.** — Kiu sendos al mi 100—300 PM de sia lando, al tiu mi sendos saman kvanton de samkvalitaj PM rusaj, ukrainaj, kaŭkazaj, aĉetus aŭ interŝanĝus katalogon Ivert-Tellier, Gibbons aŭ alia. Sendus malnovajn esp. gazetojn aŭ librojn. A. J. Augustin, ul. F. Engels 16-794, Hospitalo, Voroneĵ (Rus.)

**Gaja teatraĵeto,** la sukcesa budapesta poŝtkongresa ludo: „La paĝio de l'reĝino" havebla por unu resp. kup. (nun stampita!) aŭ por egalvaloro en nacia monbileto ĉe Paulo Balkányi, Budapest, VI., Hajos u. 15, Hungario.

**Geografiajn kartojn,** malgranda formato, uzata de infanoj en popolaj lernejoj, kolektas por lerneja ekspozicio kaj interŝanĝe rekompensas per kio ajn Julie Šupichová, faka instruistino, Praha II.-2032, Ĉeĥoslovakio.

**Helpu.** — Malnova esp-isto intencas forte disvastigi Esperanton, kaj fondi grupojn en vilaĝa regiono. Por manko de propagandiloj mi petas alsendon de esp-aĵoj, gazetoj, reklamiloj kaj interesaj PI, bfl, k. t. p. Mi dankos per bela PI. Walther Schubert, Taubenheim/Spree, Sachsen.

**Kongreshimnon,** rekomenditan de Esperantista Literatura Asocio kaj poŝtmarkojn vendas verkisto por plibonigi la vivon de sia elmigrinta familio. Prezo laŭ interkonsento. Monon oni sendu per rekomendita letero al: S-ro Vadim Ano Frijev, Elva (Estonio).

**Ruslando.** — Oni serĉas Kolits Ŝandor, Voisko, Danske, Oblasti Czopp, Lenkovszka bratsi Kovalova. De 1916 li ne skribis. Skribu tra Germanio al Zoltán Jankovich, Bpesti fŏút 57, Vácz, Hungario.

**Samideanoj helpu!** Oficisto, kun 21jara sperto en korespondado esperanta, ĉeĥa, germana, franca, angla, rusa, itala, perfekta stenografisto, petas pri okupo en Francujo, Svisujo ktp. Afablaj proponoj al Universalia, Kladno 983, Ĉeĥoslovakio.

**Serioza interŝanĝo.** — Poŝtmarkserioj, poŝtkartaroj, papermono, moneroj. Profesoro José Ventura, 12, Roteros, Valencia (Hispanio), gvidanta Universitatan kurson. Nepre respondos — Malakceptas bagatelojn.

**Sigelmarkojn** esperantajn sendu al mi kaj vi ricevos duoblan kvanton da memeldonitaj (14 diversaj en multaj koloroj). W. Krause, Berlin N. O. Friedebergerstrasse 1, Germanio.

**Tabako.** — Georgi Dimitrov Kafaliev, ulica Diustabanov n-ro 39, Plovdiv (Bulgario), Sperta tabakoficisto deziras interrilati kun eksterlanda tabakkomerca firmo, aŭ tabakfabrikejo. Donas informojn kaj ĉiujn bezonaĵojn rilate tabakkomercadon kaj tabakkulturon de tuta lando Bulgario. Leterojn nur pri tiu ĉi temo kun eksterlanduloj.

**Vortaro.** — Sendu al mi Esperantan vortaron de Kabe, mi sendos al vi 1000 bulg. poŝtmarkojn. Nenko Tonev, Kramolin, Sevlievsko, Bulgario.

## INTERNACIA KOMERCO

**Tarifo:** sama kiel „Petoj kaj Proponoj."

**Artindustriaĵoj,** batikkolorigitaj ledaj objektoj, monujoj, brodaĵoj hungaraj: relative malmultkostaj por bonvalutanoj mendeblaj ĉe Paulo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15. Per mendo Vi helpas artindustiiston en mizero! Vi povas certigi al Vi profiton per vendado!

**Berlin.** — Ĉiuj komisioj estas zorgeme prilaborataj de F-ino Martha Rabe, Bandelstrasse 45 P. A. 21.

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** dezirataj el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per Internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Eldonistoj.** — Albert kaj Filo gravaj librovendistoj deziras interrilatiĝi kun libroeldonistoj kaj pograndaj librovendistoj en ĉiuj landoj. Korespondas, angle, germane aŭ Esperante. Sendu listojn al Albert & Son, Box 57, G. P. O. Perth, West Aŭstralia.

**Komercaj** proponoj petataj: A. K. Divekar, 19 E. Ambewadi, Girgaon, Bombay, Hindio.

**Komercajn** rilatojn serĉas kaj ofertojn petas la Komerca Eksport-Importa Oficejo de I. Krestanoff, Wintergartenstr. 9-I., Dresden A. 16, Germanio.

**Korbmebloj** malkaraj riceveblaj el pola fabrikejo pogrande kaj detale. Kompletaj salonoj konsistantaj el 6—10 pecoj (tablo, sofo, du brakseĝoj, du seĝoj, unu tabureto, du florpiedestaloj, unu florujo) kostas nur 72.000—82.000 pol. Mk. Postulu fotogr. desegn. kaj informojn de Prof. Miecz. Sygnarski, Kordeckiego 19, Bydgoszcz, Polio.

**Marmoro.** — Plibeligu kaj nobeligu vian hejmon per praktikaj artobjektoj el polurita, belkolora marmoro kiel: skribilaroj, juvelujoj, cindrujoj, fruktkalikoj, fumilaroj, paperpremiloj, sokloj por bronzfiguroj k. t. p. Al samideanoj kaj grupoj malkaraj prezoj. Mi petas doni mian proponon al interesuloj. Mi serĉas reprezentantojn (grand-importistoj) en ĉiuj landoj. Demandoj al Walther Schubert, arĥitekto, reprezentanto de Granit- & Marmor-Industrie, Taubenheim/Spree, Sachsen (esper. fr., germ., angl.).

**Negocojn** ĉiuspecajn peradas Edgar Roitzsch, Sebnitz in Sachsen (Germanio). Vidu reklamon.

**Reprezentojn** akceptas S-ro Luirino Imeldi, Casella Postale 361, Genova, Italio.

**Rozoleo** natura garantiite sendata poŝtasekurite en boteletoj de 10 gramoj neto por 30 fr. frankoj kaj 50 gr. 145 fr. senditaj per ĉeko al R. Ĉervenakov, ulica Krestec N-ro 7, Sofia, Bulgario.

**Rozoleo** bulgara unuakvalita por parfumaĵoj, sapoj, k. t. p. Pogrande kaj pomalgrande. Specimena boteleto de 10 gr. por 25 fr. fr. Ĝenerala reprezentanto: I. Krestanoff, Wintergartenstr. 9, Dresden A. 16, Germanio.

**Rusoj,** Ukrajnoj kaj Siberianoj atentu! Sendu al mi vian fotografaĵon kaj 50 nedifektitojn, plejeble malsamajn, neuzitajn kaj stampitajn poŝtmarkojn kaj vi ricevos de mi 50 glumarkojn aŭ 12 belajn poŝtmarkojn kun via portreto. Ferna Versand, Plauen i. Vogtl., Germanio.

**Svisaj brodaĵoj.** — Fabrikanto serĉas rilatojn kun gravaj pogokapablaj importistoj, speciale en Japanio kaj Ĉinio. J. Graf-Müller, Altstätten, Svisio.

PRESEJO »POLITIKA« PRAHA, ĈEĤOSLOVAKIO.